7ª Jaro. N° 12 (84).

# LA REVUO

Internacia monata literatura gazeto

KUN LA KONSTANTA KUNLABORADO

de

**D^RO^ L. L. ZAMENHOF**

Aŭtoro de la lingvo Esperanto.

**Aŭgusto 1913**

ENHAVO



**Librejo HACHETTE KAJ K°**

79, Boulevard Saint-Germain, *PARIS.*

KAJ ĜIAJ KORESPONDANTOJ :

**Bohemujo,** F. TOPIČ, Ferdinandova, 11, *PRAHA.* — **Brazilio,** FR. ALVES Y Cª, 166, rua do Ouvidor, *RIO DE JANEIRO.* — **Danujo,** HÖST & SÖN, Bredgade 35, *KJÖBENHAVN.* — **Germanujo,** ESPERANTO VERLAG ADER & BOREL, G. m. b. H., Struvestr. 40, *DRESDEN-A. 1.* — **Granda Britujo,** THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION, Museum Station Buildings, 133-6, High Holborn, *LONDON W. C.*, kaj REVIEW OF REVIEWS, Bank Buildings, Kingsway, *LONDON W. C.* — **Hispanujo,** J. ROSALS, Puerta Ferrisa, 30, *BARCELONA*, kaj HIJOS de J. ESPASA, 579, Calle de las Cortes, *BARCELONA.* — **Hungarujo,** KÓKAI LAJOS, Károly-utca 1, sz., *BUDAPEST*, IV. — **Italujo,** ESPERANTA ITALA KOOPERATIVO, Salita Pollainoli, 13-1, *GENOVA*, kaj R. GIUSTI, 53, Via Vittorio Emanuele, *LIVORNO.* — **Nederlando,** LIBREJO ESPERO, Prinsestraat, 48, s. *GRAVENHAGE.* — **Polujo,** M. ARCT, 53, Nowy Swiat, *WARSZAWA.* — **Rumanujo,** CAROL P. SEGAL, Calea Victoriei, 78, *BUCAREŞTI.* — **Rusujo,** LIBREJO ESPERANTO, Lubjanskij proezd, 3, *MOSKVA.* — **Svedujo,** C. E. FRITZE, Fredsgatan, *STOCKHOLM.* — **Svisujo,** UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO, 10, rue de la Bourse, *GENÈVE.* — **Usono,** AMERICAN ESPERANTIST Co, *WEST NEWTON* (Mass.).

**Nete : 50 cent.**

(*Revue mensuelle.*)

AVIZO

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn. — Originalaj verkoj estos ĉiam prefere akceptitaj. — Sendi kun sia manuskripto, la banderolon sub kiu oni ricevas « La Revuo'n ». — Rajto de represo kaj traduko de ĉiuj artikoloj estas rezervita.*

Ĉion koncernantan la Redakcion oni sendu al la jena adreso :

**La Revuo**, HACHETTE ET C^ie, *79, Boulevard St-Germain, Paris.*

## ONI ABONAS :

**Francujo.** — Librejo HACHETTE & K^o Boul. St-Germain, 79, *PARIS*, (50 cent.), jare. Fr. 6
**Bohemujo.** — F. TOPIĈ, Ferdinandova II, *PRAHA*, (60 hell.), jare. . . . . . . . . K. 6
**Brazilio.** — FRANCISCO ALVES Y C^a, 166, rua do Ouvidor, *RIO DE JANEIRO* ; 65, rua de S. Bento, *S. PAULO* ; rua de Bahia, *BELLA HORIZONTE* (50 cent.)
**Danujo.** — HÖST & SON, Bredgade, 35, *KJOBENHAVN*, (50 öre), jare. . . . . . . Kr. 4,50
**Germanujo kaj Aŭstrujo.** — ADER & BOREL, G. m. b. H., *DRESDEN-A. 1.* (45 pf), jare. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . M. 5,50
**Granda Britujo kaj kolonioj.** — THE BRITISH ERPERANTO ASOCIO, Museum Station Building, 133-6, High Holborn, *LONDON W. C.*, (6 penc.), jare. . . . . . . . S. 6
REVIEW OF REVIEWS, Bank Buildings, Kingsway, *LONDON W. C.*, (6 penc.), jare. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . S. 6
**Hispanujo.** — JOHANO ROSALS, Puerta Ferrisa, 30, *BARCELONA*, (60 pes.), jare. P. 8
Hijos de J. ESPASA, 579, calle de las Cortes, *BARCELONA*, jare. . . . . P. 8
**Hungarujo.** — L. KÓKAI, Karoly-utca 1., *BUDAPEST*, IV., (65 fillér), jare . . . . Kr. 7
**Italujo.** — ESPERANTA ITALA KOOPERATIVO, Salita Pollamoli, 13-4, *GENOVA* (60 cent.) jare. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . L. 7
R. GIUSTI, 53, Via Vittorio Emanuele, *LIVORNO*, (60 cent.), jare. . . . . L. 7
**Nederlando.** — LIBREJO ESPERO, Prinsestraat 48, *'s-GRAVENHAGE*, (25 cend.) jare. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . G. 3,85
**Polujo.** — M. ARCT, Nowy Swiat, *WARSZAWA*, (25 kop.), jare. . . . . . . . . R. 2,80
**Rumanujo.** — CAROL P. SEGAL, Calea Victoriei, 78, *BUCARESTI* (60 banoj), jare. L. 7
**Rusujo.** — LIBREJO ESPERANTO, Lubjanskij proezd, 3, *MOSKVA*, (25 kop.), jare. R. 2,80
**Svedujo.** — C. E. FRITZE, Fredsgatan, *STOCKHOLM*, (50 öre), jare. . . . . . . . Kr. 60
**Svisujo.** — UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO, 10, rue de la Bourse, *GENÈVE*, (60 cent.), jare. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Fr. 7
**Usono.** — AMERICAN ESPERANTIST C^o, West Newton Station, *BOSTON* (Mass.), (10 cend.), jare . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . D. 1,40
**Por la landoj, kie ne estas abonejo,** sin turni al firmo HACHETTE & K^o en *PARIS* ; jara abono (por tiuj landoj). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Fr. 7

*Specimenoj estas senpage senditaj.*

*Oni akceptas pagon de l' abono nur per poŝtmandato aŭ ĉeko.*

# READMONO[1]

**Kvina Libro de Moseo.**

## ĈAPITRO XIII[2]

1. — Ĉion, kion mi ordonas al vi, tion observu, ke vi ĝin plenumu; ne aldonu al tio kaj ne deprenu de tio.

2. — Se aperos inter vi profeto aŭ sonĝisto kaj prezentos al vi signon aŭ miraklon,

3. — Kaj plenumiĝos la signo aŭ miraklo, pri kiu li parolis al vi, kaj li diros : ni sekvu aliajn diojn, kiujn vi ne konas, kaj ni servu al ili, —

4. — Tiam ne aŭskultu la vortojn de tiu profeto aŭ de tiu sonĝisto, ĉar tiam tentas vin la Eternulo, via Dio, por sciiĝi, ĉu vi amas la Eternulon, vian Dion, per via tuta koro kaj per via tuta animo.

5. — La Eternulon, vian Dion, sekvu, kaj Lin timu, kaj Liajn ordonojn observu, kaj Lian voĉon aŭskultu, kaj al Li servu, kaj al Li alteniĝu.

6. — Kaj tiun profeton aŭ tiun sonĝiston oni devas mortigi, ĉar li predikis defalon de la Eternulo, via Dio, kiu elkondukis vin el la lando Egipta kaj liberigis vin el la domo de sklaveco, — por delogi vin de la vojo, laŭ kiu la Eternulo, via Dio, ordonis al vi iri; kaj ekstermu la malbonon el inter vi.

7. — Se logos vin sekrete via frato, filo de via patrino, aŭ via filo, aŭ via filino, aŭ la edzino en viaj brakoj, aŭ via amiko plej intima, dirante : ni iru kaj servu al aliaj dioj, kiujn ne konis vi nek viaj patroj,

8. — El la dioj de la popoloj, kiuj estas ĉirkaŭ vi, la proksimaj de vi aŭ la malproksimaj de vi, de unu fino de la lando ĝis la alia :

9. — Tiam ne konsentu kun li kaj ne aŭskultu lin; ne indulgu lin via okulo, ne kompatu kaj ne kaŝu lin,


2. Vidu la numerojn 80, 81, 82 kaj 83.

10. — Sed mortigu lin; via mano devas esti sur li la unua, por mortigi lin, kaj la manoj de la tuta popolo poste.

11. — Kaj ĵetu sur lin ŝtonojn, ke li mortu; ĉar li volis forlogi vin de la Eternulo, via Dio, kiu elkondukis vin el la lando Egipta, el la domo de sklaveco.

12. — Kaj la tuta Izrael tion aŭdos kaj ektimos, kaj oni plu ne faros tian malbonan agon inter vi.

13. — Se vi aŭdos en iu el viaj urboj, kiujn la Eternulo, via Dio, donas al vi por loĝado, ke oni diras :

14. — Eliris el inter vi homoj sentaŭgaj kaj forlogis la loĝantojn de sia urbo, dirante : ni iru kaj servu al aliaj dioj, kiujn vi ne konis;

15. — Kaj vi serĉos kaj esploros kaj bone pridemandos, kaj montriĝos, ke tio estas preciza vero, la abomenaĵo estas farita inter vi :

16. — Tiam mortigu la loĝantojn de tiu urbo per glavo, detruu ĝin kaj ĉion, kio estas en ĝi, kaj ankaŭ ĝiajn brutojn mortigu per glavo.

17. — Kaj ĝian tutan havon kolektu sur la mezon de placo, kaj forbruligu per fajro la urbon kaj ĝian tutan havon, absolute ĉion, al la Eternulo, via Dio; kaj ĝi estu eterna ruino, oni neniam ĝin rekonstruu.

18. — Kaj nenio el la anatemaĵo algluiĝu al via mano, por ke la Eternulo forlasu Sian flaman koleron kaj donu al vi favorkorecon kaj indulgu vin kaj multigu vin, kiel Li ĵuris al viaj patroj,

19. — Se vi aŭskultos la voĉon de la Eternulo, via Dio, observante ĉiujn Liajn ordonojn, kiujn mi ordonas al vi hodiaŭ, farante plaĉantaĵon antaŭ la okuloj de la Eternulo, via Dio.

## ĈAPITRO XIV

1. — Vi estas filoj de la Eternulo, via Dio : ne faru sur vi entranĉojn kaj ne faru senharaĵon super viaj okuloj pro mortinto;

2. — Ĉar vi estas popolo sankta al la Eternulo, via Dio, kaj vin la Eternulo elektis, ke vi estu Lia popolo propra el ĉiuj popoloj, kiuj estas sur la tero.

3. — Nenian abomenaĵon manĝu.

4. — Jen estas la brutoj, kiujn vi povas manĝi : bovo, ŝafo kaj kapro,

5. — Cervo kaj kapreolo kaj bubalo kaj ĉamo kaj uro kaj antilopo kaj alko.

6. — Ĉian bruton, kiu havas disfenditajn hufojn kaj distranĉan sulkon inter la du duonhufoj kaj kiu remaĉas maĉitaĵon, tian el la brutoj vi povas manĝi.

7. — Nur ĉi tiujn ne manĝu el la remaĉantaj maĉitaĵon kaj el la havantaj disfenditajn hufojn kun distranĉa sulko : la kamelon kaj la leporon kaj la kuniklon; ĉar ili remaĉas maĉitaĵon, sed iliaj hufoj ne estas disfenditaj, malpuraj ili estas por vi;

8. — Kaj la porkon, ĉar ĝiaj hufoj estas disfenditaj, sed ĝi ne remaĉas maĉitaĵon, malpura ĝi estas por vi; ilian viandon ne manĝu kaj ilian kadavron ne ektuŝu.

9. — Ĉi tiujn vi povas manĝi el ĉiuj bestoj, kiuj estas en la akvo : ĉiujn, kiuj havas naĝilojn kaj skvamojn, vi povas manĝi;

10. — Sed ĉiujn, kiuj ne havas naĝilojn kaj skvamojn, ne manĝu : malpura tio estas por vi.

11. — Ĉian birdon puran vi povas manĝi.

12. — Sed ĉi tiujn el ili ne manĝu : la aglon kaj la kondoron kaj la maraglon,

13. — Kaj la vulturon kaj la milvon kaj la falkon kun ĝia speco,

14. — Kaj ĉian korvon kun ĝia speco,

15. — Kaj la struton kaj la strigon kaj la mevon kaj la akcipitron kun ĝia speco,

16. — La noktuon kaj la ibison kaj la cignon,

17. — Kaj la pelikanon kaj la perknopteron kaj la mergulon,

18. — Kaj la cikonion kaj la ardeon kun ĝia speco kaj la upupon kaj la vesperton.

19. — Kaj ĉia rampaĵo flugilhava estas por vi malpura, oni ne devas ilin manĝi.

20. — Ĉian puran birdon vi povas manĝi.

21. — Manĝu nenian kadavraĵon; al la fremdulo, kiu estas en via urbo, vi povas ĝin doni, ke li ĝin manĝu, aŭ vi povas vendi al alilandulo; ĉar vi estas popolo sankta al la Eternulo, via Dio. Ne kuiru kapridon en la lakto de ĝia patrino.

22. — Apartigu dekonaĵon el ĉiuj produktaĵoj de via semado, kiuj venas de la kampo ĉiujare,

23. — Kaj manĝu antaŭ la Eternulo, via Dio, sur la loko, kiun Li elektos, por loĝigi tie Sian nomon; dekonaĵon el via greno, via vino kaj via olivo, kaj la unuenaskitojn el grandaj kaj malgrandaj

10. — Sed mortigu lin; via mano devas esti sur li la unua, por mortigi lin, kaj la manoj de la tuta popolo poste.

11. — Kaj ĵetu sur lin ŝtonojn, ke li mortu; ĉar li volis forlogi vin de la Eternulo, via Dio, kiu elkondukis vin el la lando Egipta, el la domo de sklaveco.

12. — Kaj la tuta Izrael tion aŭdos kaj ektimos, kaj oni plu ne faros tian malbonan agon inter vi.

13. — Se vi aŭdos en iu el viaj urboj, kiujn la Eternulo, via Dio, donas al vi por loĝado, ke oni diras :

14. — Eliris el inter vi homoj sentaŭgaj kaj forlogis la loĝantojn de sia urbo, dirante : ni iru kaj servu al aliaj dioj, kiujn vi ne konis;

15. — Kaj vi serĉos kaj esploros kaj bone pridemandos, kaj montriĝos, ke tio estas preciza vero, la abomenaĵo estas farita inter vi :

16. — Tiam mortigu la loĝantojn de tiu urbo per glavo, detruu ĝin kaj ĉion, kio estas en ĝi, kaj ankaŭ ĝiajn brutojn mortigu per glavo.

17. — Kaj ĝian tutan havon kolektu sur la mezon de placo, kaj forbruligu per fajro la urbon kaj ĝian tutan havon, absolute ĉion, al la Eternulo, via Dio; kaj ĝi estu eterna ruino, oni neniam ĝin rekonstruu.

18. — Kaj nenio el la anatemaĵo algluiĝu al via mano, por ke la Eternulo forlasu Sian flaman koleron kaj donu al vi favorkorecon kaj indulgu vin kaj multigu vin, kiel Li ĵuris al viaj patroj,

19. — Se vi aŭskultos la voĉon de la Eternulo, via Dio, observante ĉiujn Liajn ordonojn, kiujn mi ordonas al vi hodiaŭ, farante plaĉantaĵon antaŭ la okuloj de la Eternulo, via Dio.

## ĈAPITRO XIV

1. — Vi estas filoj de la Eternulo, via Dio : ne faru sur vi entranĉojn kaj ne faru senharaĵon super viaj okuloj pro mortinto;

2. — Ĉar vi estas popolo sankta al la Eternulo, via Dio, kaj vin la Eternulo elektis, ke vi estu Lia popolo propra el ĉiuj popoloj, kiuj estas sur la tero.

3. — Nenian abomenaĵon manĝu.

4. — Jen estas la brutoj, kiujn vi povas manĝi : bovo, ŝafo kaj kapro,

5. — Cervo kaj kapreolo kaj bubalo kaj ĉamo kaj uro kaj antilopo kaj alko.

6. — Ĉian bruton, kiu havas disfenditajn hufojn kaj distranĉan sulkon inter la du duonhufoj kaj kiu remaĉas maĉitaĵon, tian el la brutoj vi povas manĝi.

7. — Nur ĉi tiujn ne manĝu el la remaĉantaj maĉitaĵon kaj el la havantaj disfenditajn hufojn kun distranĉa sulko : la kamelon kaj la leporon kaj la kuniklon; ĉar ili remaĉas maĉitaĵon, sed iliaj hufoj ne estas disfenditaj, malpuraj ili estas por vi;

8. — Kaj la porkon, ĉar ĝiaj hufoj estas disfenditaj, sed ĝi ne remaĉas maĉitaĵon, malpura ĝi estas por vi; ilian viandon ne manĝu kaj ilian kadavron ne ektuŝu.

9. — Ĉi tiujn vi povas manĝi el ĉiuj bestoj, kiuj estas en la akvo : ĉiujn, kiuj havas naĝilojn kaj skvamojn, vi povas manĝi;

10. — Sed ĉiujn, kiuj ne havas naĝilojn kaj skvamojn, ne manĝu : malpura tio estas por vi.

11. — Ĉian birdon puran vi povas manĝi.

12. — Sed ĉi tiujn el ili ne manĝu : la aglon kaj la kondoron kaj la maraglon,

13. — Kaj la vulturon kaj la milvon kaj la falkon kun ĝia speco,

14. — Kaj ĉian korvon kun ĝia speco,

15. — Kaj la struton kaj la strigon kaj la mevon kaj la akcipitron kun ĝia speco,

16. — La noktuon kaj la ibison kaj la cignon,

17. — Kaj la pelikanon kaj la perknopteron kaj la mergulon,

18. — Kaj la cikonion kaj la ardeon kun ĝia speco kaj la upupon kaj la vesperton.

19. — Kaj ĉia rampaĵo flugilhava estas por vi malpura, oni ne devas ilin manĝi.

20. — Ĉian puran birdon vi povas manĝi.

21. — Manĝu nenian kadavraĵon; al la fremdulo, kiu estas en via urbo, vi povas ĝin doni, ke li ĝin manĝu, aŭ vi povas vendi al alilandulo; ĉar vi estas popolo sankta al la Eternulo, via Dio. Ne kuiru kapridon en la lakto de ĝia patrino.

22. — Apartigu dekonaĵon el ĉiuj produktaĵoj de via semado, kiuj venas de la kampo ĉiujare,

23. — Kaj manĝu antaŭ la Eternulo, via Dio, sur la loko, kiun Li elektos, por loĝigi tie Sian nomon; dekonaĵon el via greno, via vino kaj via olivo, kaj la unuenaskitojn el grandaj kaj malgrandaj

10. — Sed mortigu lin; via mano devas esti sur li la unua, por mortigi lin, kaj la manoj de la tuta popolo poste.

11. — Kaj ĵetu sur lin ŝtonojn, ke li mortu; ĉar li volis forlogi vin de la Eternulo, via Dio, kiu elkondukis vin el la lando Egipta, el la domo de sklaveco.

12. — Kaj la tuta Izrael tion aŭdos kaj ektimos, kaj oni plu ne faros tian malbonan agon inter vi.

13. — Se vi aŭdos en iu el viaj urboj, kiujn la Eternulo, via Dio, donas al vi por loĝado, ke oni diras :

14. — Eliris el inter vi homoj sentaŭgaj kaj forlogis la loĝantojn de sia urbo, dirante : ni iru kaj servu al aliaj dioj, kiujn vi ne konis;

15. — Kaj vi serĉos kaj esploros kaj bone pridemandos, kaj montriĝos, ke tio estas preciza vero, la abomenaĵo estas farita inter vi :

16. — Tiam mortigu la loĝantojn de tiu urbo per glavo, detruu ĝin kaj ĉion, kio estas en ĝi, kaj ankaŭ ĝiajn brutojn mortigu per glavo.

17. — Kaj ĝian tutan havon kolektu sur la mezon de placo, kaj forbruligu per fajro la urbon kaj ĝian tutan havon, absolute ĉion, al la Eternulo, via Dio; kaj ĝi estu eterna ruino, oni neniam ĝin rekonstruu.

18. — Kaj nenio el la anatemaĵo algluiĝu al via mano, por ke la Eternulo forlasu Sian flaman koleron kaj donu al vi favorkorecon kaj indulgu vin kaj multigu vin, kiel Li ĵuris al viaj patroj,

19. — Se vi aŭskultos la voĉon de la Eternulo, via Dio, observante ĉiujn Liajn ordonojn, kiujn mi ordonas al vi hodiaŭ, farante plaĉantaĵon antaŭ la okuloj de la Eternulo, via Dio.

## ĈAPITRO XIV

1. — Vi estas filoj de la Eternulo, via Dio : ne faru sur vi entranĉojn kaj ne faru senharaĵon super viaj okuloj pro mortinto;

2. — Ĉar vi estas popolo sankta al la Eternulo, via Dio, kaj vin la Eternulo elektis, ke vi estu Lia popolo propra el ĉiuj popoloj, kiuj estas sur la tero.

3. — Nenian abomenaĵon manĝu.

4. — Jen estas la brutoj, kiujn vi povas manĝi : bovo, ŝafo kaj kapro,

5. — Cervo kaj kapreolo kaj bubalo kaj ĉamo kaj uro kaj antilopo kaj alko.

6. — Ĉian bruton, kiu havas disfenditajn hufojn kaj distranĉan sulkon inter la du duonhufoj kaj kiu remaĉas maĉitaĵon, tian el la brutoj vi povas manĝi.

7. — Nur ĉi tiujn ne manĝu el la remaĉantaj maĉitaĵon kaj el la havantaj disfenditajn hufojn kun distranĉa sulko : la kamelon kaj la leporon kaj la kuniklon; ĉar ili remaĉas maĉitaĵon, sed iliaj hufoj ne estas disfenditaj, malpuraj ili estas por vi;

8. — Kaj la porkon, ĉar ĝiaj hufoj estas disfenditaj, sed ĝi ne remaĉas maĉitaĵon, malpura ĝi estas por vi; ilian viandon ne manĝu kaj ilian kadavron ne ektuŝu.

9. — Ĉi tiujn vi povas manĝi el ĉiuj bestoj, kiuj estas en la akvo : ĉiujn, kiuj havas naĝilojn kaj skvamojn, vi povas manĝi;

10. — Sed ĉiujn, kiuj ne havas naĝilojn kaj skvamojn, ne manĝu : malpura tio estas por vi.

11. — Ĉian birdon puran vi povas manĝi.

12. — Sed ĉi tiujn el ili ne manĝu : la aglon kaj la kondoron kaj la maraglon,

13. — Kaj la vulturon kaj la milvon kaj la falkon kun ĝia speco,

14. — Kaj ĉian korvon kun ĝia speco,

15. — Kaj la struton kaj la strigon kaj la mevon kaj la akcipitron kun ĝia speco,

16. — La noktuon kaj la ibison kaj la cignon,

17. — Kaj la pelikanon kaj la perknopteron kaj la mergulon,

18. — Kaj la cikonion kaj la ardeon kun ĝia speco kaj la upupon kaj la vesperton.

19. — Kaj ĉia rampaĵo flugilhava estas por vi malpura, oni ne devas ilin manĝi.

20. — Ĉian puran birdon vi povas manĝi.

21. — Manĝu nenian kadavraĵon; al la fremdulo, kiu estas en via urbo, vi povas ĝin doni, ke li ĝin manĝu, aŭ vi povas vendi al alilandulo; ĉar vi estas popolo sankta al la Eternulo, via Dio. Ne kuiru kapridon en la lakto de ĝia patrino.

22. — Apartigu dekonaĵon el ĉiuj produktaĵoj de via semado, kiuj venas de la kampo ĉiujare,

23. — Kaj manĝu antaŭ la Eternulo, via Dio, sur la loko, kiun Li elektos, por loĝigi tie Sian nomon; dekonaĵon el via greno, via vino kaj via olivo, kaj la unuenaskitojn el grandaj kaj malgrandaj

brutoj, — por ke vi lernu timi la Eternulon, vian Dion, ĉiam.

24. — Kaj se tro longa estos por vi la vojo kaj vi ne povos porti, ĉar malproksima estos de vi la loko, kiun elektos la Eternulo, via Dio, por meti tien Sian nomon, kaj la Eternulo, via Dio, vin benis, —

25. — Tiam vi povas tion monigi, kaj vi prenos la monon en vian manon kaj iros al la loko, kiun la Eternulo, via Dio, elektos;

26. — Kaj vi aĉetos pro tiu mono ĉion, kion ekdeziros via animo, el grandaj aŭ malgrandaj brutoj, el vino aŭ el drinkaĵo aŭ el ĉio, kion postulos via animo, kaj vi manĝos tie antaŭ la Eternulo, via Dio, kaj vi estos gaja, vi kaj via familio.

27. — Kaj la Levidon, kiu estas en via urbo, ne forlasu, ĉar li ne havas parton kaj heredaĵon ĉe vi.

28. — Post paso de tri jaroj apartigu la tutan dekonaĵon de viaj produktaĵoj de tiu jaro kaj metu tion ĉe viaj pordegoj;

29. — Kaj venos la Levido, — ĉar li ne havas parton kaj heredaĵon ĉe vi, — kaj la fremdulo kaj la orfo kaj la vidvino, kiuj estas en via urbo, kaj ili manĝos kaj satiĝos, por ke benu vin la Eternulo, via Dio, en ĉiu faro de viaj manoj, kiun vi faros.

## ĈAPITRO XV

1. — Post paso de sep jaroj faru forlason.

2. — Jen estas la esenco de la forlaso : ĉiu kreditoro, kiu pruntedonis ion al sia proksimulo, forlasu tion, li ne postulu tion de sia proksimulo aŭ de sia frato; ĉar estas proklamita forlaso pro la Eternulo.

3. — De alilandulo vi povas postuli, sed kion vi havos ĉe via frato, tion via mano forlasu.

4. — Cetere ne estos ĉe vi malriĉulo, ĉar la Eternulo benos vin en la lando, kiun la Eternulo, via Dio, donas al vi kiel heredan posedaĵon,

5. — Se vi nur obeos la voĉon de la Eternulo, via Dio, por observi kaj plenumi ĉiujn ordonojn ĉi tiujn, kiujn mi ordonas al vi hodiaŭ;

6. — Ĉar la Eternulo, via Dio, benos vin, kiel Li diris al vi, kaj vi pruntedonos al multaj popoloj, sed vi ne prunteprenos, kaj vi regos super multaj popoloj, sed super vi ili ne regos.

7. — Se estos inter vi malriĉulo iu el viaj fratoj en iu el viaj urboj en via lando, kiun la Eternulo, via Dio, donas al vi, tiam

ne malmoligu vian koron kaj ne fermu vian manon antaŭ via frato, la malriĉulo;

8. — Sed malfermu al li vian manon kaj pruntedonu al li laŭmezure de lia manko, kio mankos al li.

9. — Gardu vin, ke ne aperu en via koro malpia penso: alproksimiĝas la sepa jaro, la jaro de forlaso; kaj via okulo fariĝos malfavora kontraŭ via malriĉa frato kaj vi ne donos al li, kaj li plendos pri vi al la Eternulo, kaj peko estos sur vi.

10. — Donu al li, kaj ne ĉagrenu vin via koro, kiam vi donos al li, ĉar pro tio benos vin la Eternulo, via Dio, en ĉiuj viaj faroj kaj en ĉiu entrepreno de via mano.

11. — Ĉar ne mankos malriĉuloj en la lando, tial mi ordonas al vi jene: malfermu vian manon al via frato, al via senhavulo kaj al via malriĉulo en via lando.

12. — Se vendos sin al vi via frato, Hebreo aŭ Hebreino, li servu vin dum ses jaroj, sed en la sepa jaro forsendu lin de vi en libereco.

13. — Kaj kiam vi forsendos lin de vi en libereco, ne forsendu lin kun malplenaj manoj;

14. — Sed havigu al li iom el viaj brutoj kaj el via garbejo kaj el via vinpremejo; per kio benis vin la Eternulo, via Dio, tion donu al li.

15. — Memoru, ke vi estis sklavo en la lando Egipta kaj la Eternulo, via Dio, liberigis vin; tial mi ordonas al vi tion hodiaŭ.

16. — Kaj se li diros al vi: mi ne foriros de vi, ĉar mi amas vin kaj vian domon, — ĉar estas al li bone ĉe vi, —

17. — Tiam prenu alenon kaj enpiku en lian orelon kaj en la pordon, kaj li estos sklavo al vi por ĉiam. Ankaŭ kun via sklavino agu tiel.

18. — Tio ne ŝajnu al vi malfacila, kiam vi forsendos lin de vi en libereco; ĉar duoblan pagon de dungito li perlaboris ĉe vi dum ses jaroj; kaj la Eternulo, via Dio, benos vin en ĉio, kion vi faros.

19. — Ĉiun virseksan unuenaskiton, kiu naskiĝos el viaj grandaj kaj malgrandaj brutoj, dediĉu al la Eternulo, via Dio; ne laboru per la unuenaskito de via bovo kaj ne tondu la unuenaskiton de via ŝafo.

20. — Antaŭ la Eternulo, via Dio, manĝu ĝin ĉiujare, sur la loko, kiun elektos la Eternulo, vi kaj via familio;

21. — Sed se ĝi havos ian difekton, se ĝi estos lama aŭ blinda,

aŭ se ĝi havos kian ajn malbonan difekton, tiam ne buĉu ĝin ofere al la Eternulo, via Dio.

22. — Sed inter viaj pordegoj vi povas ĝin manĝi, malpurulo kaj purulo egale, — kiel kapreolon kaj cervon.

23. — Nur ĝian sangon ne manĝu; sur la teron elverŝu ĝin, kiel akvon.

## ĈAPITRO XVI

1. — Observu la monaton printempan kaj faru Paskon al la Eternulo, via Dio, ĉar en la monato printempa elkondukis vin la Eternulo, via Dio, el Egiptujo en la nokto.

2. — Kaj buĉu Paskon al la Eternulo, via Dio, el grandaj kaj malgrandaj brutoj, sur la loko, kiun la Eternulo elektos, por loĝigi tie Sian nomon.

3. — Ne manĝu kun tio fermentintaĵon; dum sep tagoj manĝu kun tio macojn, panon de mizero, — ĉar rapidece vi eliris el la lando Egipta, — por ke vi memoru la tagon de via eliro el Egiptujo dum la tuta tempo de via vivo.

4. — Oni ne vidu ĉe vi fermentintaĵon en via tuta limitaĵo dum sep tagoj, kaj el la viando, kiun vi oferbuĉos vespere en la unua tago, neniom restu ĝis la mateno.

5. — Vi ne povas buĉi la Paskon en iu el la urboj, kiujn la Eternulo, via Dio, donos al vi;

6. — Nur sur la loko, kiun elektos la Eternulo, via Dio, por loĝigi tie Sian nomon, buĉu la Paskon vespere, ĉe la subiro de la suno, — tempo de via eliro el Egiptujo.

7. — Kaj kuiru kaj manĝu sur tiu loko, kiun elektos la Eternulo, via Dio, kaj en la sekvanta tago vi povas vin turni kaj iri al viaj tendoj.

8. — Dum ses tagoj manĝu macojn, kaj en la sepa tago estu festa kunveno antaŭ la Eternulo, via Dio; ne faru laboron.

9. — Sep semajnojn kalkulu al vi; depost la apero de la rikoltilo en la spikoj komencu kalkuli la sep semajnojn.

10. — Kaj faru feston de semajnoj al la Eternulo, via Dio, kun libervola dono el via mano, kiun vi donos konforme al tio, kiom benis vin la Eternulo, via Dio.

11. — Kaj estu gaja antaŭ la Eternulo, via Dio, vi kaj via filo kaj via filino kaj via servanto kaj via servantino kaj la Levido, kiu estas en via urbo, kaj la fremdulo kaj la orfo kaj la vidvino,

kiuj estas inter vi, sur la loko, kiun elektos la Eternulo, via Dio, por loĝigi tie Sian nomon.

12. — Kaj memoru, ke vi estis sklavo en Egiptujo, kaj observu kaj plenumu ĉi tiujn leĝojn.

13. — Feston de tendoj faru al vi dum sep tagoj, kiam vi kolektos el via draŝejo kaj el via vinpremejo.

14. — Kaj estu gaja en via festo, vi kaj via filo kaj via filino kaj via servanto kaj via servantino kaj la Levido kaj la fremdulo kaj la orfo kaj la vidvino, kiuj estas inter viaj pordegoj.

15. — Dum sep tagoj festu al la Eternulo, via Dio, sur la loko, kiun elektos la Eternulo; ĉar benos vin la Eternulo, via Dio, en ĉiuj viaj produktaĵoj kaj en ĉiuj faroj de viaj manoj, kaj vi estos nur gaja.

16. — Tri fojojn en la jaro ĉiu via virseksulo devas aperi antaŭ la Eternulo, via Dio, sur la loko, kiun Li elektos : en la festo de macoj kaj en la festo de semajnoj kaj en la festo de tendoj; kaj li ne aperu antaŭ la Eternulo kun malplenaj manoj;

17. — Ĉiu kun donaco en sia mano, konforme al la beno de la Eternulo, via Dio, kiun Li donis al vi.

18. — Juĝistojn kaj kontrolistojn starigu al vi en ĉiuj viaj urboj kiujn la Eternulo, via Dio, donos al vi laŭ viaj triboj, kaj ili juĝu la popolon per juĝo justa.

19. — Ne klinu la leĝon, ne atentu personojn kaj ne prenu subaĉeton, ĉar la subaĉeto blindigas la okulojn de saĝuloj kaj konfuzas la aferojn de justuloj.

20. — Justecon, justecon sekvu, por ke vi vivu kaj posedu la landon, kiun la Eternulo, via Dio, donas al vi.

21. — Ne plantu al vi arbareton el iaj arboj apud la altaro de la Eternulo, via Dio, kiun vi faros al vi;

22. — Kaj ne starigu al vi monumenton, kion malamas la Eternulo, via Dio.

## ĈAPITRO XVII

1. — Ne oferbuĉu al la Eternulo, via Dio, bovon aŭ ŝafon, kiu havas sur si difekton, kian ajn malbonaĵon, ĉar tio estas abomenaĵo por la Eternulo, via Dio.

2. — Se troviĝos inter vi en iu el viaj urboj, kiujn la Eternulo, via Dio, donas al vi, viro aŭ virino, kiu faras malbonon antaŭ la Eternulo, via Dio, malobeante Lian interligon;

3. — Kaj li iros kaj servos al aliaj dioj kaj adorkliniĝos antaŭ ili aŭ antaŭ la suno aŭ antaŭ la luno aŭ antaŭ la tuta apartenaĵaro de la ĉielo, kion Mi ne ordonis;

4. — Kaj estos dirite al vi, kaj vi aŭdos kaj bone esploros, kaj montriĝos, ke la afero estas preciza vero, ke tiu abomenaĵo estas farita en Izrael :

5. — Tiam elkonduku tiun viron aŭ tiun virinon, kiuj faris tiun malbonan aferon, al via pordego, la viron aŭ la virinon, kaj ĵetu sur ilin ŝtonojn, ke ili mortu.

6. — Laŭ la akuzo de du atestantoj aŭ tri atestantoj la mortigoto estu ekzekutita; li ne estu mortigita laŭ la akuzo de unu atestanto.

7. — La mano de la atestantoj estu sur li plej antaŭe, por mortigi lin, kaj la mano de la tuta popolo poste; tiel ekstermu la malbonon el inter vi.

8. — Se estos por vi tro malfacila ia juĝa afero inter sango kaj sango, inter proceso kaj proceso, inter frapo kaj frapo, en disputaj aferoj en via urbo, tiam leviĝu kaj iru al la loko, kiun elektos la Eternulo, via Dio;

9. — Kaj venu al la pastroj, al la Levidoj kaj al la juĝisto, kiu estos en tiu tempo, kaj demandu, kaj ili diros al vi la juĝan decidon.

10. — Kaj agu laŭ la vorto, kiun ili diros al vi de tiu loko, kiun la Eternulo elektos, kaj observu, ke vi faru ĉion, kion ili instruos al vi.

11. — Laŭ la instruo, kiun ili donos al vi, kaj laŭ la decido, kiun ili diros al vi, agu; de tio, kion ili diros al vi, ne dekliniĝu dekstren nek maldekstren.

12. — Kiu agos arogante kaj ne obeos la pastron, kiu staras tie, por servi al la Eternulo, via Dio, aŭ la juĝiston, tiu homo devas morti, kaj vi ekstermos la malbonon el Izrael.

13. — Kaj la tuta popolo aŭdos kaj ektimos, kaj ili plu ne agos arogante.

14. — Kiam vi venos en la landon, kiun la Eternulo, via Dio, donas al vi, kaj vi ekposedos ĝin kaj ekloĝos en ĝi kaj diros : mi starigos super mi reĝon, kiel ĉiuj popoloj ĉirkaŭ mi, —

15. — Tiam starigu super vi reĝon, kiun elektos la Eternulo, via Dio; el inter viaj fratoj starigu super vi reĝon; vi ne povas starigi super vi homon aligentan, kiu ne estas via frato.

16. — Sed li ne multigu al si ĉevalojn, kaj li ne revenigu la

popolon Egiptujon, por multigi ĉevalojn; la Eternulo diris al vi : ne iru plu returne laŭ tiu vojo.

17. — Kaj li ne multigu al si edzinojn, por ke ne dekliniĝu lia koro, kaj arĝenton kaj oron li ne tro multigu al si.

18. — Sed kiam li sidiĝos sur la trono de sia regno, li transskribu al si kopion de ĉi tiu instruo en libron laŭ tio, kio troviĝas ĉe la pastroj, la Levidoj;

19. — Kaj ĝi estu ĉe li, kaj li legadu en ĝi dum sia tuta vivo, por ke li lernu timi la Eternulon, sian Dion, observante ĉiujn vortojn de ĉi tiu instruo kaj ĉi tiujn leĝojn, por plenumi ilin;

20. — Por ke ne altiĝu lia koro super liaj fratoj kaj por ke li ne dekliniĝu de la ordono dekstren nek maldekstren, por ke li restu longe en sia reĝeco, li kaj liaj filoj, inter Izrael.

El la hebrea lingvo, tradukis

L. L. Zamenhof.

# KOMENCO DE LUZIADOJ

DE

LUIZ CAMÕES

As Armas e os Barões assinalados,
Que da occidental praia Luzitana.

Batalojn kantas mi de l' heroaro,
Kiu de l' hejma bordo luzitana
Tra l' ne ankoraŭ ŝipirita maro
Ĝis trans insulo velis Taprobana [1],
Kaj da danĝeroj en militofaro
Pli venkis, ol permesas fort' homana,
Ĝis kiam, inter malproksimaj gentoj,
Stariĝis novaj regno-fundamentoj [2].

Kaj kantos mi de reĝoj glormemoron,
Kiuj, potencon de la imperio
Disvastigante, sanktan kruco-gloron
Firmigis en Afriko kaj Azio
Per heroaĵoj, kies altvaloron
Laŭrkronis senmortec' en historio.
Rakontos ĉion mi en kanto-partoj,
Se vi min helpos, ho geni' de l' artoj.

Ĉesu de l' saĝa Greko kaj Trojano
Ŝipirojn glori, kiujn ili faris,
Kaj kiel Aleksandro kaj Trajano
Por venkaj militiroj sin preparis;
Mi kantos vin, ho glora Luzitano,
Ĉe kiu Mars, Neptuno serve staris.
Silentu do, antikva Muzo kanta,
Eksonos glor', pli alten leviĝanta!

El la lingvo portugala tradukis

ANTONI GRABOWSKI.

1. Cejlono.
2. Portugalaj kolonioj en orienta Hindujo.

RIMARKO. — La supra fragmento estas prenita el nova poemaro de Sro Grabowski, aperinta sub titolo: « El Parnaso de popoloj ».

# 1813

## "FESTLUDO"

DE

## GERHART HAUPTMANN

*Nia afabla samideano, S° Siegmund Freund, el Breslau, sendis al ni pri la festa teatraĵo « 1813 » verkita de Gerhart Hauptmann la sekvantan tre interesan artikolon. Ĝi estis jam verkita kaj sendita, kiam la prezentado de tiu ĉi grava verko estis subite haltigita. Tio kaŭzis, ne nur en Germanujo, sed en la tuta civilizita mondo kaj precipe en la literaturaj rondoj, kie la talento de Hauptmann estas alte ŝatata, fortan sensacion. La artikolo de S° Freund per tio akiris tute specialan aktualecon.* C. B.

En nia urbo, dum tiu ĉi somero, estas ekspozicio, kiu plejparte havas patriotan karakteron. Tamen ankaŭ ĉiu negermano estos tre interesita de la multego da kulturhistoriaj objektoj tie videblaj. En 56 salonegoj la kulturo de antaŭ 100 jaroj preteriras niajn okulojn; ĉar oni kunportis tien el la tuta mondo la pro tio necesajn kaj karakterizajn objektojn, kiuj valoras multajn milionojn. Ĉiu ankaŭ estos mirigita de la vastega ĝardenkultura ekspozicio, kiu estas ligita kun la kulturhistoria; sed, ĉefe, ĉiu kun respekto vidos la konstruaĵojn faritajn por ĉi tiu speciala celo, la kvarangulajn ekspoziciajn templojn kaj la festhalon kun la apuda kolona irejo, kie 600 kolonoj ĉirkaŭas vastegan artan lagon. La festhalo estas tute konstruita el ferbetono kaj havas siaspece nenion similan en la mondo. Ĝi entenas spacon por dek mil personoj kaj utilos por grandaj spektakloj kaj koncertoj.

Kaj gravan spektaklon ĝi nun vidigas al ni : La festludon de Gerhart Hauptmann. La fama silezia dramverkisto, kiu jam tiel ofte ekscitis la animojn per siaj naturalismaj dramoj kaj kiu ĉe la

apero de ĉiu nova verko naskis ventegon inter la germana literaturistaro, estis petita de la breslaŭa urbestraro skribi festludon por la ekspozicio. Oni estis direktinta sin al li, kiel al unu el la plej grandaj germanaj poetoj, kiu jam per historia verko (Florian Geyer) montris, ke li bone scias ĉerpi el la historio.

Priskribu ni nun la ludon mem kaj ĝian aranĝon. La disponebla teatrejo estis la festhalo. La vastega ronda konstruaĵo, senkolona, sed ankaŭ sen ia ajn scenejo, en kiu vi vin sentas malgrandeta, kiel sur ebeno ĉirkaŭita nur de la ĉiela rondo, devis esti speciale aranĝita por la teatraĵo. Kvin mil seĝojn amfiteatre oni konstruis, lasante krome ankoraŭ spacon por pli ol du mil kunludantoj. Flanke, antaŭ la vasta orgeno — la plej granda en la mondo —, oni konstruis ŝtuparon, kun tri kurtenoj, unu super la alia, tiel, ke oni povas dividi la scenejon en tri partoj.

Nur en la tuta mondo ekzistas unu homo, kiu povas aranĝi tian teatraĵon en tia ejo. Estas la fama teatro-direktoro Reinhardt, el Berlino. Li jam revivigis antikvajn dramojn por la cirko, kaj por la enscenigo de « Œdipus » de Sofokles eksterordinare sukcesis. Li nun povas plenmontri ĉiujn siajn konojn pri la teatro por « la kvin mil » (vizitantoj), havante ankaŭ samtempe milojn da aktoroj, kiujn li varbas senpage el ĉiuj klasoj de la juna burĝaro, kaj kiujn li bonege direktas laŭ sia bontrovo kvazaŭ pupojn.

Kaj Pupoludo[1] ankaŭ estas la festludo. Per bildoj el la periodo de 1789 ĝis 1813 ĝi celas montri, ke okazaĵoj, ŝajnintaj al la samtempuloj tre gravaj, kaj ke personoj sin prezentintaj al ili kvazaŭ grandeguloj, nur estas pupoj kaj pupoludoj en la manoj de la reganto de ĉio, t. e. rigardata de sur la alta videjo de la mondfariĝado. Ĉi tiu ĉion direktanta persono estas korpigita per blankhara maljunulo, vestita per longa jupo superŝutita per steloj. Li aperas kiel direktoro de la mondteatro antaŭ la unua kurteno kun sia helpanto Philistiades, unu el la alegoriaj personoj de la ludaĵo. El la amasego de siaj pupoj, ili prezentas al ni kelkajn, generalojn, soldatojn, poetojn, profesorojn, burĝojn kaj la « malgrandan kaporalon », kiu, laŭ la diro de la direktoro, volis lin mem forpuŝi, se li ne estus metinta finon al lia surmondludo. Hodiaŭ ĉiuj viviĝos, ĉiuj sin montros al ni vivaj, kaj la okazintaĵoj, kiujn ili travivis, preterkuros antaŭ niaj okuloj, kvazaŭ ni vivus meze inter ili.

1. La tiel diritaj « pupoludoj » estis tre ŝatataj en Germanujo ankoraŭ ĝis la tempo de Goethe.

Oni aŭdas bruon malantaŭ la scenejo, kaj ensaltas homoj, duonnudaj, sangkoloraj; ili kantas, krias kaj furioze turniĝas, dancante la « Carmagnole ». Oni vidas sovaĝan scenon el la tempo de la Revolucio. La jakobinoj, la septembruloj, ankoraŭ fumantaj de la verŝita sango de la nobeluloj, fieras pri siaj malpuraj, kruelaj agoj, postulante por si la regadon de Francujo. Liberecon ili volas, ili, kiuj eĉ ankoraŭ ne estas liberaj. Kaj — kvazaŭ spritaĵo de la mondhistorio — aperas juna knabo, kiu atentante nenion, puŝas sian turbon inter la amaso. Minacata de unu el la viroj, li per tiel fieraj vortoj lin repuŝas, ke li tuj gajnas la korojn de la ŝanĝema popolo : « Korsiko, mi estas! Vi iam regis nin. Sed estonte mi regos vin kaj gardu vin »! — Per krioj « Vive l'Empereur » oni lin levas sur la ŝultrojn kaj kantante la « Marseillaise » lin portas el la teatro.

Poste ni vidas la knabon, Napoleono, kiu jam — ĉar pupoludo ne konas malfacilaĵojn rilate al tempo kaj loko — fariĝis imperiestro kaj venkis Germanujon.

Tien nin kondukas la sekvanta bildo. Alvenas karnavala procesio, kiu ĝojas, mallaŭdante kaj batante figuron, kiu reprezentas la Imperiestron de la sankta roma regno germannacia. Vane kavaliro kun la malnova longa germana glavo provas ŝirmi la figuron, vane Frederiko la Granda, kiu aperas, kvazaŭ Sendito de la ĉielo, admonas la popolon ne malbonagi kontraŭ la propra regno, sed primemori la fierecon, kiun li instruis al ili. Sed oni ne sekvas lin, kaj la karnavalo, kiu donas bildon de la tiama morala pereo de Germanujo, plue daŭrigas siajn ŝercojn. Ĝis kiam subite la apero de la tamburisto « Morto » anoncas ion eksterordinaran. La dua kurteno foriĝas, kaj oni vidas Napoleonon ĉirkaŭitan de Talleyrand, siaj generaloj kaj soldatoj. La imperiestro mokas pri la senvalora popolo; li ordonas detrui la imperiestran figuron kaj forpeli la amason.

Momente la scenejo restas malplena, kaj baldaŭ pleniĝas de promenadantaj, gaje babilantaj homoj, per la beletaj kostumoj de la « Biedermeier » tempo vestitaj. Ilin ne koncernas la politikaj aferoj, ilin ne ĝenas la penso, ke Germanujo pereis politike per la pugno de Napoleono. Vane homoj, kiel Fichte, Kleist, Stein, Blücher, provas klarigi al ili la necesecon de unuiĝo, vane ili per flamaj vortoj provas tumultigi la popolon kontraŭ la imperiestro; al Anglo, kiu al ili promesas parton de la grandaj riĉaĵoj de sia patrolando, se ili volus sin ligi kun Anglujo kontraŭ Francujo, ili

nur respondas : « Ni restas neŭtralaj ». — Kaj eĉ la korŝirigaj plendoj de la milita furio ne impresas ilin.

Malfermiĝas la unua kurteno kaj montras mortpafitajn oficirojn, la « Schill »-husaroj, kiuj, ĉar ili estis ribeluloj, ricevis kuglon, kaj super ili staras Napoleono kun siaj generaloj. Kun bedaŭro li rigardas la fortajn figurojn, sed ĉiu, kiu volas lin kontraŭstari, devas fali. Ĉiu, kiu staras meze de lia vojo, devas cedi, ĝis kiam li estos venkinta la tutan mondon.

Mallumiĝas ree; nur la ruĝa furio kuregas tra la sceno. Ŝiaj « milito »-krioj haltigas la sangon en la vejnoj, ŝiaj plendoj teruras, ŝi profetas la pereon de Eŭropo.

Ankoraŭ unufoje la du kurtenoj malfermiĝas kaj vidigas, kvazaŭ en vizio, Napoleonon kiel Zeŭso, sidanta sur la trono. Li movas la manon, kaj fulmoj eliĝas el ĝi. Sed nur por momento; tiam li subite enfalas en si mem, malantaŭ li ekneĝas kaj oni aŭdas la bruon de glitveturilo. La falo de la imperiestro komenciĝis.

Dume la areno ree pleniĝas per nigre vestitaj figuroj. La germanaj plorantaj patrinoj, kies filoj mortintaj kuŝas sur la batalkampo de Rusujo, kaj kiuj enpenetras en la soldatajn vicojn por almenaŭ ricevi sciigojn pri la mortintoj. Sed la krudaj militistoj ilin repuŝas, ilin insultas kaj fine provas ilin konduki en malliberejon. Sed forta amaso da germanaj studentoj liberigas la patrinojn, la estontecon de la lando, kaj per flamaj vortoj sciigas al la homamaso, ke ĉi tiuj estas la naskintoj de la nova germana honoro. El la virinoj sin levasu nu, kiu forĵetas la nigran tukon kaj nun staras kiel « Germania » blanke vestita kun longaj ruĝaj haroj. Freiherr von Stein al ŝi transdonas la armilojn de la diino Atene, por kvazaŭ fortigi patrineton Germanujo per la fortoj de la greka diino. Li ŝin gvidas ĝis la plej alta pinto de la ŝtuparo. La tutan teatron pleniĝas homoj, kiuj en belaj grupoj malrapide supreniras al la diino. Tiu ĉi ilin benas; ne por ilin eksciti unu kontraŭ la alia kaj kontraŭ aliaj popoloj, sed por forpreni de ili la bandaĝon de la okuloj, kiu blindigis ilin en reciproka malamo. Paco regu sur la tero kaj per la beno de la paco, estos unuigitaj ĉiuj homoj, unuigitaj kiel la dioj :

Tie, kie mi estas, kaj kien vi aliras, regas lumo !  
Ni, neniam disigitaj, unuigitaj ĉiam, nenion scias  
Pri milito. Kaj sekve paco loĝas inter ni.  
Nin ne disigas lingvoj, riveroj kaj ne maroj. —

La dioj nek, nek tiu nekonata dio
Disigos tiujn, kiuj homaran bonon celas.
Kio disigas, estas eraro, malkompreno, kiuj nur malligas
La malamon. Estas nescio, estas la mizero nuda
De la malsato. — Sed ne estas tio dieca, kiu en la homo loĝas.

Kaj la lasta kurteno malfermiĝas kaj vidigas la pordegojn de vastega preĝejo, en kiun, akompanata de la sonoj de la orgeno kaj de la sonorilegoj, nun eniras la homamaso, por ke tie ĝi festu la pacfeston. Dense arigitaj la centoj supreniras kaj donas brilegan bildon de unueco kaj pacemo. Ĝis kiam malaperas la lasta pupo en la malproksima pordo.

La ludo estas finita. La direktoro kaj Philistiades aperas kaj purigas la scenejon de kelkaj ankoraŭ restantaj pupoj, kiuj kuŝas sur la planko, kvazaŭ ilin atingis sur la vojo la haltiga vorto de la direktoro. Nur unu vivanta pupo ankoraŭ vagas sur la scenejo. Estas Blücher, al kiu ne plaĉas la paciĝo de la popoloj, kaj kiu preferus batali. Li eĉ tiras la glavon kontraŭ la direktoro, kiam tiu ĉi lin volas puŝi en la pupokeston; sed tuŝite de ties bastono, li senviva, falas teren, akompanata de la finvortoj :

Vin, brava grizharulo, atingis via sort'.
Viva nur restos ĉiam via vort' ! —
Germanoj ĝin konservos; — ne militemon
Vian, — sed vian « antaŭemon » !

La celo de la verko de Hauptmann estas do ne la elmontrado de militoj kaj de bataloj, sed li kontraŭe volas montri, ke nur per paca kunlaborado povas progresi la homaro. Li ne uzas la malgrandajn ilojn de ŝovinismo, por krei naciisman dramon, sed li montras la faktojn tiaj, kiaj ili estis. Kaj ni nur povas esti dankaj al li, ke li ne iris la poramasan vojon, sed tute novan, kiu gvidas de nura naciemo al supernaciemo.

Siegmund Freund (*Breslau*).

# LA RAJTOJ DE LA KRITIKO

Oni kutimiĝis ofte malbondiri pri la kritiko, apogante sin sur la tre konata verso de Boileau :

> Kritiko estas ja facila,
> Sed malfacila estas arto.

Oni eĉ diris, koncerne la teatrajn kritikistojn, ke ili estas malsukcesintaj aŭtoroj, kiuj celas diskreditigi la verkojn de siaj kunuloj. Eble la fakto povas kelkfoje esti ĝusta : sed oni ne povas konsideri, kiel principon, tion, kio plej ofte estas escepto. Sufiĉe multaj estas la kritikistoj, pri kiuj oni povas diri, kiel Cicero iam pri la advokato : *Vir bonus, dicendi peritus*, t. e. honesta homo, lerta parolanto ; kion oni povos ankaŭ tiamaniere traduki : kiu scias honeste juĝi kaj lerte klarigi sian opinion.

Kompreneble la kritikisto devas antaŭ ĉio ĝisfunde koni tion, kion li pritraktas. Koncerne tiujn, kiuj mensoge sin titolas kritikistoj ni ne devas nin priokupi.

Kian rolon povas efektive ludi la honesta kritikisto? Kiaj estas liaj rajtoj? Potencaj ili estas, kaj kelkfoje ili teruras la malbonajn aŭtorojn. Jen kial tiujn rajtojn pridiskutis kelkaj teatraj aŭtoroj kaj libroverkistoj, kelkaj direktoroj de teatroj aŭ librovendistoj pli komercemaj ol artemaj! Ili arogis al si la pretendon malpermesi, ke oni diru la veron pri iliaj komercaĵoj, precipe kiam tiu vero ne estas agrabla al ili ; ili eĉ minacis : « per viaj artikoloj — ili diris — vi malhelpas al la disvendado de niaj aferoj ; vi malebligas, ke ni gajnu nian vivopanon ; do vi ŝuldas al ni monkompenson ! » Kaj kelkaj proponis, ke oni forigu la rubrikon « Kroniko » kaj oni anstataŭigu ĝin per pagitaj reklamoj. Tion proponante, ili forgesis, ke ili tiamaniere ankaŭ celis forpreni la vivopanon de la kritikisto. Sed tiu sento estas tiel homa, ke ni ne insistos pli longe pri ĝi.

Tiu propono, — kiun la ĵurnaldirektoroj ne akceptis, — funde estis neĝusta. Unue, koncerne la komercan vidpunkton, ĉiu havas la devon honeste sciigi la aliajn homojn pri komercistaĉoj, kiuj disvendas malbonaĵojn. Cetere, en komercaj aferoj, ĉiu estas pli-

malpli kapabla ekscii per si mem, ĉu iu komercaĵo taŭgas aŭ ne por lia propra uzo. Sed, koncerne la spiritajn verkojn, la afero ne estas absolute sama. Ĝenerale, en multaj okazoj, la publiko bezonas esti direktata, kaj tiu direktanto estas la honesta kritikisto. Defendanto de la arta beleco, li havas la devon malebligi, ke la verkisto nur obeu la malbonguston de la publiko, kaj ŝirmi la publikon kontraŭ la eraroj de ĝiaj propraj emoj.

La kritikisto estas antaŭ ĉio la atakema kaj persistema probatalanto de la vero, kiun li senĉese defendos per sia tuta energio, per sia fido, per sia plumo, eĉ kelkfoje — la okazo ne estas malofta — per sia spado. Tamen tute ne estas necese, ke la kritikisto plenumu sian taskon, naskante malamon ĉirkaŭ si; sed li devas havi sufiĉe da korforteco por ĝin kontraŭstari, sufiĉe da filozofio por ĝin suferi. « Li devas kunligi la sincerecon kaj la ĝentilecon, juĝi la verkojn kaj indulgi la personojn, pasie ŝati la belecon kaj supren-meti super ĉiuj ĝojoj, la ĝojon admiri. » Tiel priskribis la devojn de l' kritikisto S^ro^ Adolfo Brisson, prezidanto de la Asocio de la teatraj profesiaj kritikistoj, dum granda festeno organizita, la 18 de Marto lasta, en la honoro de E. Rostand, la fame konata franca poeto. Al tiuj bonegaj paroloj E. Rostand respondis per tre rimarkinda toasto, el kiu mi forprenos kelkajn paragrafojn, ĉar ili ŝajnas tre ĝuste montri la servojn, kiujn la kritiko povas fari al sincera aŭtoro, kaj tre klare vidigi ĝiajn rajtojn en tempo, kiam oni senpacience ekzamenas ilin, kaj eĉ akrege ilin oni kontraŭbatalas.

« La kritiko, — asertis E. Rostand, — havas ĉiujn rajtojn, ĉar de l' momento, kiam oni publikigas ion, oni fakte konsentas akcepti ĉion, kion la kritiko diros. Tamen la malpacienco de la « genus irritabile » ŝajnas ne akordiĝebla kun la moderna inteligenteco kaj la nuntempa kompreno de la senlima kaj fruktodona malsameco de la cerboj kaj de la penadoj. La lumon naskas malkonverĝeco, ĉu ne? Ĉu la radioj sin reciproke malamas tial, ke necesas por radii, ke ili disiĝu unu de la alia?

« Mi do levas mian glason je la sano de la kritiko, ne pro tio, ke mi opinias, ke ĝi malsaniĝas! Sed ni tro bone konas la esperon de kelkaj homoj : tre legitimaj profitoj komplotantaj kun malpli legitima ofendiĝemo celus deziri, ke, ĉe la teatro, la venko — kaj tio nur estas ebla dum la milito — redaktu mem sian propran venkobultenon. Pro tio, Sinjoroj, mi toastas al vi, kiuj firmigas kaj tenas en bona stato la memrespekton de nia arto, ĉar, sen via

helpo, poemo kaj dramo nur estus laŭditaj samegale, kiel iu ŝapo aŭ iu pilolo.

« Koncerne min, neniam mi konsentos esti, ĉe la angulo de strato, nur la vendisto de komercaĵo, pri kiu la leĝo malpermesas, ke oni malbondiru; kaj mi volas protesti kontraŭ la revo de tiuj, kiuj deziras, ke Apolo estu kronita de la laŭroj de D^ro^ Macaura[1]. La verkistoj, kiuj provas ricevi monprofiton per la malforta ŝanco de misteroplena manuskripto, volas kompreneble havi garantiaĵojn. Ĉar tio estas necesa, mi gaje akceptas, ke ekzistu ejo, en kiu oni penadas fabriki sukceson, sed kondiĉe, ke oni ne fermu la laborejon, en kiu oni fabrikas gloron. Mi estas konvinkita, ke la literaturisto, kies fieregeco estas rajta, ĝojas repuriĝi per severa riproĉkritiko, post kiam li estis devigita toleri la kot-surŝprucon de la reklamo. Ni pli bezonas esti komprenitaj, ol laŭditaj. Ni volas, ke nin aŭskultu oreloj, kiuj akceptas alion, ol estontajn enspezojn. Neniom malhelpas viaj skurĝoj! Frapu, sed aŭskultu!...

« Ĉio pligrandiĝas, ĉio antaŭen progresas nur en la libera atmosfero de la kontraŭdiraj vortbataloj. Nenio estas pli diskutita de la vento ol la arbo, de la ondegoj ol la promontoro; sed nur per la skuado de la branĉoj la radikoj konas la forton de sia tenado, kaj la rokojn nur atestas la fortegaj aŭreoloj de l' ŝaumaĵoj.... »

Nenion ni aldonos al tiuj noblaj paroloj. La neceseco de la kritiko, precipe de la teatra vidpunkto, estas sufiĉe klarigita; kaj la rajtojn, kiujn donas al ĝi tiu neceseco kaj kiujn volas forpreni la sentalentaj verkistoj, ĉiu vera poeto aŭ literaturisto sincere akceptos, ĉar la prudenta kritiko estas la sola gardanto de la arta memrespekto.

Félicien de Ménil.

1. Konata reklamisto por kuracaparato.

# LA "WASHINGTON" DE AŬSTRALIO

**Pri la Nova Urbo Canberra.**

Se vi loĝus en Aŭstralio dum la lastaj dek jaroj, vi certe milojn da fojoj aŭdus la vortojn « Federal Capital », kaj vi certe milojn da fojoj vidus ilin ĉe la supro de gazetaj artikoloj. Vi eĉ rimarkus, ke multaj gazetoj faras el ili konstantan rubrikon. Plie, se vi legus la oficialan raporton de la federacia parlamento, vi vidus, ke la estimindaj deputatoj elspezas sian tutan saĝecon per la plej solena profunda diskutado de tiu sama temo. Ankaŭ, sur la stratoj, la ordinaraj homoj diskutas ĝin....

Nu, kio ĝi efektive estas? La konstitucio postulas, ke la federacia parlamento kunvenu en speciala teritorio donacota de la provinco Nova Sud-Kimrujo (*New South Wales*); kaj tiu teritorio devas esti ne malpli ol 100 anglajn mejlojn de Sydney, ĉefurbo de tiu provinco. En la teritorio oni konstruos la federacian ĉefurbon de Aŭstralio.

Konstrui novan urbon, jen la tasko. Sed, kie konstrui ĝin? Jen la demando, kiu maltrankviligis tutan Aŭstralion, de kiam la federacia parlamento unue kunvenis provizore en Melbourne, antaŭ dek-du jaroj. Preskaŭ ĉiu homo en la kontinento (ni jam ne nomas Aŭstralion insulo) konsideras sin aparte kapabla juĝi pri tiu afero, kaj ĉiu urbo, urbeto kaj vilaĝo en Nova Sud-Kimrujo, kuŝanta ne malpli ol 100 mejlojn de Sydney, laŭte proklamis sin la perfekta, vere Eden'a, loko por la estonta administra urbo.

La parlamento, plie, laŭ la tutmonda kutimo de parlamentoj, difinis sennombrajn komisionojn, vagantajn de loko al loko, esplorantajn la pretendojn de la diversaj proponitaj lokoj. Ricevinte la raportojn de la komisionoj — dikajn saĝaspektajn volumojn — la parlamento prenis nenian definitivan decidon. Dum la ĉambro de deputatoj havis unu opinion, la senato havis tute malsaman opinion, kaj ofte la antaŭaj decidoj ren versiĝis. Fine, je la 14 de Decembro 1908, la senato aprobis per plimulto de nur unu voĉo la proponon jam aprobitan de la ĉambro de deputatoj, ke la estonta ĉefurbo

kaj teritorio estu lokita en la regiono Yass-Canberra, 200 mejlojn sudokcidente de Sydney. Kaj iom post iom ĉesis la eternaj diskutoj, kaj la gazetoj komencis polemiki pri aliaj aferoj, ol la taŭgeco de tiu aŭ alia regiono, kaj ne plu asertis, ke la elektita loko estas frostigata per neĝo en vintro aŭ rostata per arbaraj incendioj en somero, aŭ suferas ambaŭ malfeliĉojn samtempe. La aŭstralia gazetaro, sinjoro, povas polemiki preskaŭ tiel fortike, kiel la esperantista gazetaro, kaj jam de longe ĝi vivigis mirindajn disputojn pri ĉi tiu aŭstralia demando de centra organizo!

Tuj la registaro komencis plej detalan termezuradon de la regiono. Tre zorge oni esploris la topografion de la tuta teritorio, serĉante en ĝi taŭgan lokon, sur kiu starigi la urbon. Fine la ĉirkaŭaĵo de la vilaĝo Canberra ŝajnis la plej elektinda, kaj ĝuste tie, post kelke da jaroj, oni vidos la urbon en ĝia infanaĝo [1].

Sed hodiaŭ nenio montras al la rigardanto, ke li staras en la loko difinita por grava administra urbo, centro de la leĝdonado de tuta Aŭstralio. Supreniru kun mi unu el tiuj tri montoj, la gardostarantoj de la estonta urbo. De la supro de Monto Ainslie, 275 metrojn super la nivelo de la ebenaĵo, ni vidas la larĝan valon — larĝan eble ses kilometrojn — tra kiu fluas malgranda rivero Molonglo. Se vi rigardos en vintro aŭ printempo, la tuta ebenaĵo estas kovrita per sukplena herbo, kiu aspektas kiel verda tapiŝo. Sed en la somero la herbo estas flavebruna, seka kaj plena de pikantaj semoj. La rivero mem estas klare signita per longa kvazaŭ rubando de salikoj, kreskantaj sur ĝiaj bordoj. Preskaŭ sub la piedoj vidiĝas la vilaĝo Canberra, kies nomo en lastaj jaroj bruegis tra la tuta lando, kaj estis la temo de tiom multaj karikaturoj, satiraĵoj, politikaj paroladoj, aktualaj versaĵoj, kaj de Dio scias kiom da alispecaj verkoj, ke ĝi akiris tre malbonan famon. Kaj ĝi estas tre tre trankvila, senbrua vilaĝo! En ĝi sin trovas nur la poŝtoficejo, la preĝejo kaj la pastra domo. Tre malnova estas la preĝejo, laŭ la aĝo de aŭstraliaj preĝejoj, ĝi estis konstruita en la jaro 1843. En la korto, laŭ la kutimo de anglaj, sed ne de aŭstraliaj preĝejoj, staras la tomboj de multaj homoj de la najbaraĵo, kiuj dormas senmove kaj trankvile, dum la tuta lando resonas per la nomo de

1. La definitiva plano de tiu ĉi urbo konsistas en eltiraĵoj el la tri planoj premiitaj post internacia konkurso. Estas interese memori, ke la trian premion gajnis Pariza arĥitekto-Esperantisto S^ro Alfred Agache, kiu legis esperantan anoncon pri la konkurso kelke da monatoj, antaŭ ol aperis oficiala sciigo en la franclingvaj gazetoj. La juĝrezultaton li ankaŭ eksciis sammaniere dank'al la sindonema delegito de U. E. A. en Melbourne, S^o Whiteford.

ilia tera loĝejo. Pinoj ĉirkaŭas la preĝejon, kies turo estas videbla de granda distanco en la ĉirkaŭaĵo, kaj hedero kreskanta sur la muroj donas al ĝi antikvan aspekton tre agrablan en lando, kie ĉio estas nova kaj sentradicia. Proksime de la preĝejo staras la pastra domo, en mezo de densa aro da poploj kaj pinoj, efika ŝirmilo kontraŭ la malvarmaj ventoj de la regiono.

Apud la vilaĝo vi vidas longan brunan strion tre mallarĝan, sur kiu moviĝas iu nigra objekto. Ĝi estas la vojo al Yass, sufiĉe granda urbo je distanco de 60 kilometroj, kaj la nigra objekto estas aŭtomobilo aŭ ŝarĝveturilo portanta komercaĵojn al unu el la vilaĝoj apud tiu vojo. Maldekstre la vojo suriras malgravan monteton kovritan per arboj, kaj inter la arboj oni vidas tegmentojn kaj tendojn. Ĝi estas la provizoraj konstruaĵoj de la Reĝa Milita Akademio de Aŭstralio, fondita en la Federacia Teritorio antaŭ du jaroj. La hejma domo de la granda bieno « Duntroon », kiun la registaro aĉetis de ĝia posedanto, estas la centro, la loĝejo de la Komandanto. Rapide oni konstruis ĉirkaŭ ĝi tutan urbeton de kazernoj el cementaj tabuloj kaj ligno, elektis profesorojn, venigis kadetojn el ĉiu parto de Aŭstralio kaj Nova Zelando, kaj jen, la Akademio plene funkcias. Ĝi staras ĉe la ŝirmata flanko de malgranda monteto, kaj prezentas tre ordan, eĉ severan aspekton de milita disciplino.

Turnu vian rigardon denove en la direkton al Canberra, sed preter ĝi. Jen vi vidas alian monton, preskaŭ samgrandan kiel tiu, sur kiu vi staras. Ĉe ĝia piedo, meze de maldensa arbareto, staras kelkaj dometoj el ligno, du pli grandaj konstruaĵoj, kaj multaj tendoj. Tio estas Acton, la vera centro kaj kerno de la tuta teritorio, la semo, el kiu kreskos la urbo, kiu estos la koro de Aŭstralio. Jen la oficejo, kie oni administras la teritorion kaj organizas la servojn farotajn — fervojoj, akvo, lokadon de stratoj, arboplantado, ŝtonminado, luado de terpecoj por kulturo, konstruado de provizoraj loĝejoj, kaj ĉiuj aliaj sennombraj bezonoj de naskiĝanta urbo. Apud la oficejo staras la loĝejoj de la tridek oficistoj, kiuj jam laboras en la teritorio... apartaj dometoj por la edziĝintoj, kaj unu granda domo por la fraŭloj, kiuj ankoraŭ ne implikiĝis en la reto de la edzeco. En la tendoj loĝas la laboristoj, ankoraŭ nur ducent, kun la edzinoj kaj infanoj. Tre agrable lokita estas la urbeto Acton sub la ĵusaludita monto — Nigra Monto oni nomas ĝin.

Sed nun, se vi ankoraŭ ne faris tion, vi devas ĵeti la rigardon preter Acton, preter la proksimaj montetoj kaj montoj, kaj mal-

proksime vi vidos longan bluan montaron, kiu okupas la tutan horizonton. Alta kaj bela estas tiu montaro, kaj etendas sin en longaj bluaj linioj de ekstrema nordo ĝis ekstrema sudo. Inter ili troviĝas kelkaj el la plej altaj montoj en Aŭstralio. En la vintro iliajn kapojn blankigas la neĝo, sed en somero oni ofte vidas super ili grizebluan fumon, kiu montras arbaran incendion. Sed ili ĉiam estas hele bluaj, kaj la subiranta suno, kiu donas mirindajn kolorojn al la ĉielo kaj nuboj, faras kune kun ili spektaklojn de rava beleco. Efektive, al la loĝantoj de la urbo ne mankos almenaŭ unu speco de naturaj vidindaĵoj.

Iom maldekstre, t. e. sude, de Acton vidiĝas du malgrandaj montetoj, unu antaŭ la alia. Rigardu ilin zorge. De la loko, kie vi nun staras ĝis la antaŭa monteto, etendos sin la ĉefa strato de la urbo. Ĝi estos larĝa eleganta bulvardo, de kiu oni povos, laŭ la plano de la urbo, atingi facile kaj rekte ĉiun alian straton. La promenantoj sur tiu ĉefa strato vidos ĉe unu ekstremo la altan, iom krutan monton Ainslie, kie vi nun staras, kaj ĉe la alia ekstremo ili vidos la parlamentan domon, kiu staros sur unu el la diritaj montetoj, ĉirkaŭita per la ŝtataj administraj oficejoj.

Transe de la parlamenta domo sin levos alta monumento, farita el ŝtonoj alportitaj el ĉiu parto de la Imperio — el Anglujo, Skotlando, Irlando, Kanado, Sud-Afriko, Hindujo, Nova Zelando, ĉiu provinco de Aŭstralio, k. t. p. Ĉi tiu monumento memorigos la fondon de la urbo kaj la komencon de la konstruado. Je la 12 de Marto pasinta la vicreĝo de Aŭstralio kaj lia edzino, meze de granda amaso da ministroj, deputatoj kaj altrangaj oficistoj solene metis la fundamenton de la monumento. Samtempe ili baptis la urbon, donante al ĝi la nomon Canberra, per tio finante longan diskutadon en la gazetoj pri elekto de taŭga nomo.

La granda laboro komenciĝis. « Romon oni ne konstruis en unu tago », diras proverbo. Ankaŭ la konstruado de Canberra daŭros iom da tempo — ĝuste kiom da tempo, tion la homoj ne kuraĝas aserti.

FREMI.

# ENKONDUKO
# AL LA STUDO DE LA SCIENCO
# EKONOMIO POLITIKA

**(Menciita en la Scienca Konkurso de la Oka)**

« *Ni koncentrigu niajn fortojn al metoda eldonado de lernolibroj en Esperanto. Ni demandu nin : « Kion bezonas antaŭ ĉio popolo por instruiĝo? » Tiam ni facile starigos liston da unuaj* elementaj *lernolibroj pri literaturo, historio, geografio, matematiko kaj diversaj sciencoj.... Tio estus grava materialo.*

« *Kiam ni tion posedos, tiam ni povos entrepreni seriozan almiltion de la flavuloj kaj nigruloj.... kaj nia lingvo baldaŭ fariĝos la nepra necesa disvastigilo de la blanka civilizeco* .» — La Revuo (*Marto 1912*.)

*Ekonomio politika* estas la scienco, per kiu ni studas la homaron en ĝiaj rilatoj al la produkto, distribuo, konsumo kaj interŝanĝo de valoraĵoj. Antaŭ ĉio ĝi necesigas studadon al la homoj mem, ĉar super ĉiu alia scienco fizika aŭ morala, ĝi observas kaj konstatas la agojn de la homoj en diversaj cirkonstancoj de la ekonomia kaj socia vivo. Malpligrandigi la elrigardon sur la problemojn de tiu ĉi scienco estus pli grava eraro, ol pligrandigi ĝin. Tiun eraron faris la plej fruaj ekonomiistoj. Ili malhelpis al la scienco per troa limigo de la vidpunkto. Ordinare ili rigardis nur al unu flanko: al reguloj, kiuj aŭ leĝe aŭ tradicie fariĝis kutimaj en la vivo de l' popoloj; kaj al leĝoj, kiujn ili nomis naturaj. En tiuj ĉi kategorioj estis, ekzemple, la leĝoj pri « livero kaj postulo » kaj pri la tiel dirita « kapitalamaso » difinita por salajrpago, kaj kiun oni ne povis pligrandigi. El ĉi tio sekvis, ke, se iu havigis al si pli da salajro, aliaj devas suferi malpliigon. Certe, Ricardo, la aŭtoro de la diro, ne tiel limige difinis tiun « leĝon ». Sed liaj disĉiploj malatentis liajn esceptaĵojn kaj tiel ofte trumpetadis la leĝon, ke la laboristoj fine kredis, ke la ekonomio politika efektive tión deklaras. Pro tio ili malŝatis la sciencon kaj montris

al ĝi multe da malfavoro. Oni ne miru pri tio. La konstato estis tute malĝusta. Deklarante ĝin, oni ne rigardis al la agoj de la homoj mem, aŭ al la historio de la metiunuiĝoj, kiuj longtempe sed sukcese laboris por pligrandigi la salajron de ĉiuj siaj anoj. Tiun fakton oni ne plu neas. La historio pri la penoj de la metiunuiĝoj por starigi sin en la mondo estas grava parto de la ekonomia historio de la modernaj tempoj. En Britujo, Prof° Thorold Rogers bone priskribis diversajn okazintaĵojn en la kreskiĝo de tiuj unuiĝoj, kaj lia libro « Six Centuries of Work and Wages » (Ses jarcentoj de laboro kaj salajro) estas ĉie akceptita, kiel tute justa.

La malsimpatia pensado de la plej fruaj ekonomiistoj al la laboristaroj ankaŭ malfavorigis al la scienco Thomas Carlyle, kiu ne juste nomis tiun sciencon seninteresa kaj melankolia. Sed la studento devas kontraŭstari tiun maljustan kaj malĝustan opinion, kiun alprenis multaj homoj ĝis la nuntempo.

La celo de la scienco estas ekzameni ĝeneralajn principojn, kiuj rilatas la socian vivon. Eble la ekonomiisto povos rekomendi ŝanĝojn en leĝoj, kiuj ne bone helpas al la ekonomia funkciado de l' socio. Tion farante, la sciencisto devas memori, ke la homaro ne estas kreita por la leĝaro; sed ke la leĝaro devas submetiĝi al la bono de l' homaro. Sendube estas malfacile pritrakti politikajn aferojn, kiujn ni ofte alprenas pli-malpli heredite, sen senpartia ekzameno de la problemoj. Sed la ekonomiisto devas forĵeti ĉiujn antaŭjuĝojn. Li estas homo laboranta por la bono de la homaro, kaj ĉiun proponon, eĉ tiun, kiu unuavide ŝajnas tute absurda, se ĝi estas serioze proponita, li devas ekzameni ne en la intenco ĝin ridindigi, sed por ekscii, ĉu efektive estas en ĝi iom da helpo por la sociaj malfacilaĵoj.

Kion ni havas por nin gvidi en nia ekzameno de la problemoj prikonsiderataj?

Unue, ni profitos el la historio, ĉar tio helpas al nia eltrovo de principoj, kaj ankaŭ ebligas nin kompreni nunajn kondiĉojn. Alie, ni ne sufiĉe bone komprenus, kiamaniere eniĝis kelkaj kutimoj en la ekonomian vivon, ekzemple la sistemo de kredito, aŭ la bankaj aferoj.

En la historia metodo ni komencas per la faktoj, kiujn ni klasifikas kaj ordigas. Poste, ni povas konstati ĝeneralajn principojn. En la fizikaj sciencoj, tiu metodo estas la plej bona. Oni ankaŭ nomas ĝin la indukta metodo.

Sed ni ankaŭ devas uzi la deduktan metodon. Tiamaniere ni

komencas konstatante kelkajn ĝeneralajn principojn ofte hipotezajn, aŭ devenantajn el aliaj sciencoj. El tio ĉi ni deduktas apartajn « leĝojn ». Poste, ni devas ekzameni tiujn principojn, aŭ el la historio, aŭ el la faktoj. Eble ni trovos diferencojn inter la teorioj kaj la faktoj, kaj ni devos eltrovi la kaŭzojn de tiuj diferencoj. Tiamaniere, ni povas tre ĝuste konstati ĝeneralajn ekonomiajn principojn kaj ilin apliki al la ĉiam novaj kondiĉoj, kiuj aperas ĉe la homaro. Sed, se ni ne tre zorge uzas tiajn metodojn, ni povas facile erari, aŭ per partia konsiderado de unu aŭ alia flanko, aŭ per ne sufiĉa scio. Alia facila erarvojo, estus neĝusta difino de la prikonsiderota scienco.

S^ro^ Say skribis : « La ekonomio politika estas la ekonomio de la socio; scienco kuniganta la rezultatojn de niaj observoj pri la naturo kaj la funkcioj de la diversaj partoj de l' socio ». Eble tiu difino povus ankaŭ esti uzata por la scienco « filozofio morala ». En la ekonomio politika tamen, ni havas ion plu. Ni alrigardas ankaŭ al la socio, kaj ankaŭ al la valoraĵoj de l' socio. Tial, estus bone, se ni, en nia konsidero de la diversaj problemoj, havus antaŭ la okuloj du objektojn : la homaron kaj la valoraĵojn. La problemo estas : Kiamaniere oni produktas, distribuas, konsumas kaj interŝanĝas valoraĵojn? En ĉiu el tiuj movadoj, la homaro ludas sian rolon; kelkaj homoj riĉiĝas, multaj malriciĝas, kaj en tiu konstanta interŝanĝo ni povas observi la funkciadon de leĝoj, aŭ homefaritaj, aŭ devenantaj el la homa penego havigi la necesaĵojn por la ĉiutaga vivo.

Ĉiun problemon do ni devas studi senpartie kaj en la espero evitigi al niaj posteuloj kelkajn el la ekonomiaj malfacilaĵoj, kiuj malhelpas la homaron en la nuna tempo. Antaŭ ĉio, ni devas memori, ke la mondo ĉiam progresas, ke eĉ en la fizikaj sciencoj ni ĉiam aŭdas pri novaj eltrovitaĵoj; des pli en la ekonomio de l' socia vivo ni devas atenti la novajn faktojn, kiuj prezentiĝas al la rezultatoj de novaj leĝoj kaj faroj rilatantaj la ekonomiajn vidpunktojn de la popoloj. Inter ĉi tiuj trovos lokon la progreso de pli koraj interkonsentoj internaciaj ebligitaj de la nova, sed ĉiam kreskanta, sento de la fratiĝo de la homaro.

Kio estas valoraĵoj? Certe, la vorto bone difinas sin mem. « Ĉio, kio havas valoron. » Sed tiu difino ne multe helpas al ni. Ĉio en sia propra loko havas valoron. Eble pli bona estas la jena : « Ĉio, kio estas transirigebla, kies kvanto estas limita, kio senpere aŭ pere produktas plezuron, aŭ estas interŝanĝebla ». El tio ni vidas,

ke la precipaj proprecoj de valoraĵoj estas utileco, limigeco, interŝanĝebleco.

Utileco : Kio estas utilaĵoj? Ili estas materiaj kaj nemateriaj. La unua klaso estas videbla, palpebla. Sed en la dua ni devas kalkuli tiajn diversajn utilojn, kiel la lertecon de la metiisto, la bone dresitajn kvalitojn de bestoj uzataj en la produkto de valoraĵoj, kaj la sistemon de kredito, sub kiu nur ĉirkaŭ kvin procentoj de nia mono konsistas el moneroj. Rilate nian komercan sistemon, estas evidente, ke la kredito estas nemateria hereditaĵo devenanta de niaj antaŭuloj pro la amasiĝo de ekonomioj en la industria organizo.

Limigeco : Aĵojn, kiujn ni povos havigi en nelimitaj kvantoj sen laboro aŭ memofero, ni ne kalkulas kiel valoraĵojn en la senco de nia difino. La sunbrilo kaj la aero ne estas la produktoj de homa laboro, sed aero transkondukita al subakviĝinto ĉe la fundo de la maro estas valoraĵo. Tiu ĉi enprofundigita aero havas interŝanĝan valoron al la subakviĝinto; sed, en ĝia propra loko, oni ne povas ĝin vendi aŭ interŝanĝi.

Interŝanĝebleco : En civilizitaj landoj mono estas la interŝanĝa perilo. Do io, por kio oni donas monon, havas valoron. Tamen, en la plej grandaj interŝanĝoj komercaj, moneroj ludas nenian rolon. Oni pagas per ĉekoj, kambioj, k. c. Sed tiuj periloj estas efektive mono, ĉar por ili oni povos, aŭ tuj, aŭ post certa tempo, havigi monerojn. Ni scias, ke tiuj paperaj periloj anstataŭas monerojn, kiuj devus esti sub la kontrôlo de iu banko aŭ registaro.

Ĉu pliiĝo de la mono estas pliiĝo de la riĉeco? Pri individuoj, tio dependas de la valoro de la objektoj, kiujn oni povas ricevi por mono. Ni supozu, ke ĉe la komenciĝo de iu jaro, iu persono posedus 100 000 Sm., kaj ke je la finiĝo de la jaro tiu kapitalo pligrandiĝus ĝis 110 000 Sm. Dume, povus okazi, ke la prezoj de la komercaĵoj plialtiĝus ĝis 10 procentoj. Prezo estas valoro esprimita per mono. 110 000 Sm. povus nun aĉeti la saman valoron da komercaĵoj, kiel 100 000 Sm. antaŭe. Tial, la posedanto ne estas pli riĉa kun 110 000 Sm., ol antaŭe kun 100 000 Sm. Povus okazi, pro eĉ pli granda altiĝo de prezoj, ke li estus malpli riĉa.

Pri nacioj, la subita enkonduko de multe da mono ankaŭ povus efiki sammaniere; sed aliaj problemoj estus, ĉu tiu mono apartenas al multaj aŭ malmultaj, ĉu ĝi konsistas el moneroj aŭ el papera mono, ĉu ĝi konsistas el akcioj, kies kurso leviĝis pro milito, k. t. p.

Alia grava problemo rilate la uzon de mono estas, ke salajroj

estas ordinare pageblaj per mono. La nuntempa tendenco estas, por prezoj de necesaĵoj, altiĝi. Kiam tio okazas, la efiko estas, ke tiuj, kiuj ricevas salajron mone, devus ricevi pligrandigon de la salajro, por ke la mono aĉetu tiom, kiom antaŭe. Pro tiaj kaŭzoj, la metiunuiĝoj povas ofte havigi pli da salajro por siaj anoj; sed okazis, kelkfoje, ke, kvankam prezoj plialtiĝis, la pago al la laboristaro malpligrandiĝis. Iaokaze, la konstantaj perdantoj estas tiuj, kiuj havas fiksitajn jarajn salajrojn.

Ĉu la ekonomio politika havas rimedon kontraŭ tia maljusteco?

Ĉar ĉiu persono ne aĉetas la samajn komercaĵojn, kiel ĝia najbaro, la rimedo devos esti relativa. Je iu fiksita dato oni povas konstati la prezojn de komercaĵoj. Oni elektu 20 el la plej gravaj. Al tiuj komercaĵoj oni donas koeficientojn montrantajn la relativajn valorojn.

Ekzemple :

| PANO. | DRAPO. | SUKERO. | |
|---|---|---|---|
| 100 | 100 | 50 | Relativaj koeficientoj. |

Pano estas pli necesa, ol sukero, kaj ricevas pli altan koeficienton. Drapo ricevas la saman koeficienton, kiel pano. Poste oni povos konstati, ĉu ĝeneralaj prezoj plialtiĝas aŭ male. Ĉiun jaron, oni povos starigi novan liston. Se la mezprezo estus pli alta, oni devus proporcie altigi la salajrojn. Aliflanke, se la mezprezo falus, oni devus malpligrandigi la salajrojn. Tio estus justa.

Kompreneble, oni povus antaŭe fiksi minimuman salajron, ĉar, sen tio, eble la laboristoj ne konsentus al la propono. La problemo havas malfacilaĵojn kaj devas esti tre zorge konsiderata. Ne estus bone, aŭ al la pagontoj, aŭ al la pagotoj, ke neniu povus ĝuste kalkuli la salajron pagotan. Sed eble per tiu propono oni pli juste agus, ol nuntempe.

Alia problemo, kiun ni ekzamenos, estas, ĉu registaroj devus fiksi la minimuman salajron pagotan al la laboristaroj? Tiu propono altiris la favoron de la brita registaro, okaze de la striko de la karbministoj, ĉi tiun jaron. Sendube aliaj metiistoj kaj laboristoj postulos la saman rimedon kontraŭ la malsato. Ekonomie, oni povus subteni la principon, se ĝi plisanigus la laboristaron; ĉar tio siavice farus bonon al la ŝtato. Sed oni devas protekti la pagontojn kontraŭ mallaboremeco de la pagotoj. Alia malfacilaĵo estus, ke tia regulo altigus la prezojn de komercaĵoj; kaj tio, sen simila ago de la ĉefaj registaroj, malhelpus al la komercistoj en la internacia

vendejo. Tiu malfacilaĵo ĉiam okazas, se registaro regulas iujn kondiĉojn de la produktado de komercaĵoj ; ĉar la enlandaj komercistoj ne povas vendi siajn komercaĵojn tiel malkare, kiel la alilandaj, kiujn oni ne tiamaniere limas. Sed ŝajnas eble, ke en tempo, kiam tiom da interkonsentoj internaciaj estas farataj, oni povas plifacile ankaŭ interkonsenti pri kelkaj tiaj punktoj.

Ankoraŭ restas kelkaj problemoj en ĉi tiu fako de industria vivo. Inter ili estas la propono pri registara garantio de laboro por ĉiu. Rilate tiun ĉi proponon ni devas « palpi nian vojon », ĉar la malfacilaĵoj antaŭ ni ne ankoraŭ malaperis. Oni ankaŭ devas memori, ke estas limo, post kiu oni ne povas altigi la impostojn. La ekonomiisto devas unue elserĉi, kiamaniere oni povus malpligrandigi la nunajn elspezojn. Eble en tiu rilato la plej grava disspezo okazas en la elspezo pormilita.

Fakto, kiu rilatas la nunajn kondiĉojn, estas la laboro de la virinoj. Ĉu ili povas tiel bone, aŭ pli bone, ol la viroj, labori? Ĉu la virina laborado malpligrandigas la virajn salajrojn? Pli kaj pli la virinoj eniras en la multajn okupojn, kiujn antaŭe prilaboris nur viroj. Tio ŝajnas montri, ke la vivkondiĉoj estas nun pli pezaj, ol antaŭe, kaj ke ne pro volo, sed pro malsato, okazis tia granda ŝanĝiĝo en la vivo de la virinoj.

Inter aliaj problemoj, kiujn ni devos konsideri, estas la socialismo. Ĉu ĝi efikos al la solvo de la industriaj problemoj? Tion ni, sen longtempa studado, ne povos absolute diri. La ideo, kiu subkuŝas sub la propono estas la egalrajtoj de la homoj. Sed por atingi tion oni povos aŭ altigi aŭ malaltigi la nivelon, sur kiu staras parto de la homaro nuntempe. Egalrajtoj ne similas egalecon. Fakte, la socialismo estas nur nomo, sub kiu ŝirmiĝas multaj eĉ kontraŭcelaj proponoj, kiuj havas, kiel idealon, la plibonigon de la homoj. Leĝoj, kiujn multaj parlamentoj efektivigis, estis konsiderataj kiel socialismo de la antaŭaj kontraŭuloj. En nia studo estos pli bone eviti, kiel eble plej multe, dubesencajn nomojn, kaj fake konsideri la diversajn proponojn, ĉu por la naciigo de la terbieno, ĉu por la registara kontrolo de la periloj de produkto, enkalkulante la minejojn kaj la enlandajn transportajn servojn. Ni devos ankaŭ distingi inter la proponoj pri la terbieno, ĉu per naciigo oni signifas, ke la terbieno apartenu al la registaro, kiu luigos ĝin, aŭ ke oni kreu vilaĝanajn kulturposedantojn. Ju pli ni alproksimiĝas al tiaj detaloj de la socialismaj proponoj, des pli ni rimarkos la malfacilaĵojn, kiujn ni devos renkonti. Oni povas

konstati, ke ekonomiistoj nuntempe pli favore simpatias al la socialismo, kvankam ili ne ĉiam povas klarvide trapenetri la barilplenajn vojojn al la popola kontentiĝo.

Ĝisnune ni skizis kelkajn el la plej interesaj problemoj pri la produkto kaj distribuo de valoraĵoj. Restas la konsiderado de la konsumo kaj interŝanĝo. La unuan, en tiu enkonduka ĉapitro, ni povas mallonge pritrakti; ĉar, kvankam interesa al la ekonomiistoj, ĝi estas pli persona problemo, ol la aliaj. Ĉu troelspezo estas bona por la ŝtato? Ĉu iu ajn elspezo estas bona por la ŝtato pro tio, ke ĝi donas salajron al la laboristaro? Nur ĝis limoj. Elspezante, ni alvenas ĉe punkto, post kio la troelspezo devigas nin uzi nian kapitalon. Tio ofte okazas ĉe nacioj, kiel ĉe individuoj.

La lasta pritrakto en tiu ĉi ĉapitro estas pri la interŝanĝo de valoraĵoj. Unu el la plej interesaj problemoj estas, ĉu estus bone, se registaroj aŭ helpus aŭ malhelpus la intersanĝon internacian per dono de premioj aŭ per trudo de limimpostoj? Ni povas diri, ke pli bone estus, se ĉiaj komercaĵoj povus esti tute libere interŝanĝataj inter la nacioj (kaj homoj), kiuj povus profiti el la interŝanĝo. En la civilizita mondo tamen troviĝas nur unu ekzemplero de tiu ideala stato. Preskaŭ unuanime la diversaj ŝtatoj aŭ helpas mondonace al la eksportoj de komercaĵoj devenantaj de la ŝtato, aŭ ili metas limimpostojn sur la importaĵojn. Ambaŭokaze, la ordinara celo estas helpi al la naciaj produktaĵoj. Pro naturaj facilaĵoj, aŭ pro tre lerta kaj frua eltrovitaĵo, unu nacio [ni nomu ĝin (A) ] povas pli malkare vendi kreskaĵojn aŭ fabrikaĵojn, ol alia, (B). Sed la kostoj de produkto kaj transporto, kune kun la limimposto pagota al (B), superas la prezojn, laŭ kiuj oni povas la komercaĵojn aĉeti en la lando (B). La registaro de la lando (A) do povas helpi al la enlandaj komercistoj per dono de premioj por eksportitaj komercaĵoj. Ekonomie, oni sin defendas dirante, ke tia premio helpas al la laboro en la lando (A).

Rilate limimpostojn sur importaĵoj, la registaro de la lando (A) povas tion fari, ankaŭ, por defendi siajn laboristojn kontraŭ la eniro de pli malkaraj komercaĵoj el la lando (B). La poraj kaj kontraŭaj argumentoj estas tiel komplikaj, ke neniu povas absolute kaj ĝuste diri, kiamaniere tiaj aferoj helpas al (A) aŭ malhelpas al (B). Povos esti :

1e ke la premioj donitaj de (A) malhelpos al ĝi pro manko de instigo al pli ekonomiaj metodoj fabrikaj ĉe la enlandaj komercistoj,

2ᵉ ke la limimpostoj metitaj de (A) sur la komercaĵojn de (B) ankaŭ malhelpos al (A) pro la sama kaŭzo,

3ᵉ ke la limimpostoj metitaj de (A) sur la komercaĵojn de (B) helpos al (B), ĉar tio instigos la komercistojn en (B) trovi rimedojn supervenki la limimpostojn.

En tiu enkonduka ĉapitro ni skizis planon de la grava scienco, kiun, kiom eble, oni devus studi. La scienco estas tre interesa kaj plena je gravaj problemoj, kiuj koncernas la homaron. Pro simpatia konsiderado de ĉiuj problemoj prezentitaj, la studento povas esperi baldaŭ forigi la nekonsideratan malfavoran opinion de tiuj, kiuj ne precize konas sian temon. Tio estas la celo de ĉiuj sciencoj.

James Robbie (*Edinburgh*).

# LA IX[a] KONGRESO

Ankoraŭ unu monato kaj la IX[a] Kongreso de Esperanto estos en plena vivo en Bern, la ĉefurbo de Esperantistujo por 1913. Kiuj deziras, ke ĝi estu granda sukceso por nia afero, tiuj ne forgesu, ke la multnombreco de la kongresanoj estas unu el la plej gravaj punktoj por vivigi la spiriton de Esperantismo kaj fari impreson sur la skeptika publiko. Do, venu Berno'n, venu amase. Ni des pli bezonas vian kunlaboradon, ke ni havis tre malmulte da tempo por organizi la Naŭan. Ne forgesu ankaŭ, ke Bern estas centro de internaciaj oficejoj, oficialaj kaj neoficialaj : Internacia Oficejo de la Poŝto, Internacia Oficejo de la Telegrafoj, Internacia Oficejo de la Aŭtoraj Rajtoj, Internacia Oficejo de la Paco, k. t. p., k. t. p. Tre grave estas altiri la atenton de tiuj Oficejoj al Esperanto, la internacia lingvo. Do ankoraŭ unu fojon kiel eble plej multaj, venu karaj samideanoj el ĉiuj landoj !

*
* *

Mi ne volas tedi la legantojn de *La Revuo* per oficialaj informoj, koncerne la preparojn por la Kongreso. La Organiza Komitato sendas tiucele al ĉiuj esperantistaj gazetoj cirkulerojn, kiuj sciigas pri la preparaj laboroj por nia granda ĉiujara festo. Mi preferas, laŭ la tradicio de *La Revuo*, iom neformale « babili » pri diversaj temoj.

Mi parolu unue pri nia « majstro », kvankam estas nun malpermesate nomi lin « majstro ». La legantoj de *La Revuo* jam scias, ke nia « majstro » ĉeestos la Naŭan, kun sia edzino kaj siaj gefiloj, sed ili ne ankoraŭ scias (kaj tion mi diras al ili « konfidencie » !), ili certe ne scias, ke la Organiza Komitato intencas dum la Kongreso solene donaci al nia Majstro jubilean oran medalon, speciale stampitan por memorigi la komencon de la dua periodo de la historio de Esperanto. Krakovo estis la triumfa fino de la unua periodo 25-jara, Berno estos la glora komenco de la dua. Ni konsakru tiun transiron per ora medalo! Kompreneble, sur unu flanko de la medalo oni metos la ŝildon de Esperanto, dum sur la alia flanko oni metos.... Sed ni klarigos tion pli bone en Bern mem. Sufiĉas,

ke la legantoj sciu, ke ĉiu kongresano povos havigi al si memoraĵon de la jubilea medalo, ĉar oni stampigos ankaŭ arĝentan medalon, tute similan al la ora nur pli malgrandan, kies valoro estos precize 1 spesmilo. Kiuj deziras tiun arĝentan medalon, povas ĝin antaŭmendi al mi, ĉar verŝajne la nombro de la kongresanoj estos pli granda, ol la nombro de la medaloj.

Alia sekreto por la legantoj de *La Revuo* estas, ke la Registaro voĉdonis subvencion da 120 Sm. por la Naŭa. Tio ne estas multe laŭ materia vidpunkto, sed ni ricevos multe pli grandan sumon de la urbo Bern, kiu estas pli rekte interesata en la Kongreso. Tamen la subvencio de la Registaro estas tre grava, ĉar ĝi estas antaŭsigno, ke ni povas esperi oficialajn reprezentantojn en nia Kongreso. Ni faras nian eblon por starigi Honoran Komitaton indan je tiuj de la antaŭaj kongresoj. S^ro^ Emil Frey, eks-Prezidanto de la Svisa Konfederacio, kaj nuna Direktoro de la Internacia Oficejo de la Telegrafoj, en Bern, akceptis la honoran prezidecon de nia Kongreso. Tio estas por ni tre grava, ĉar nun ni povas antaŭvidi, ke la aliaj gravaj oficejoj internaciaj, pri kiuj mi parolis, ankaŭ interesiĝos pri Esperanto. Jam S^ro^ Gobat, nacia konsilanto, direktoro de la Internacia Pac-Oficejo en Bern, ankaŭ akceptis membrecon en nia Honora Komitato. La Registaro decidis sin reprezentigi *oficiale* en la Honora Komitato kaj estus bone, se aliflanke la Esperantistoj klopodus, ĉiu en sia lando, por ke la diversaj Registaroj ankaŭ sendu oficialajn delegitojn.

Unu novaĵo de la Naŭa Kongreso estos la Konkurso por la plej bona *parolanto* en Esperanto. Ĝis nun oni kutimis fari literaturajn konkursojn, sed la tempo mankis al ni por ilin organizi. Ni do decidis havi anstataŭe paroladan konkurson; ĉiu oratoro povos paroli dum 10 minutoj. La detaloj kaj kondiĉoj por tiu konkurso estas diskonigitaj en la lasta cirkulero de la Organiza Komitato, sed estus bone, se jam nun kelkaj esperantistaj gazetoj, aŭ malavaraj samideanoj, povus donaci premiojn por tiu konkurso; oni akceptos tamen nur monajn premiojn, kaj laŭ la sumo entute ricevita, oni donos 1, 2 aŭ 3 premiojn.

La vendejo kaj ekspozicio estos bone prizorgataj, en ĉambrego de la Kongresejo (Berna Kazino), kie okazos ankaŭ la festaj kunsidoj, ĝeneralaj kunvenoj, koncerto, balo, k. t. p. Ni esperas, ke multaj samideanoj sin enskribos kiel ekspoziciantoj de esperantaĵoj, konforme al la klarigoj donitaj en la lasta cirkulero de nia Organiza Komitato (*Esperanto*, 20 Junio).

Oni decidis ludi la saman vesperon, en la urba teatro, « La Patreco » kaj la dramon « Ginevra ». Tiun ĉi lastan dramon ludos la aktoroj, kiuj jam ludis « Kaatje » en Antverpen dum la VIIª Kongreso. Nia fervora samideano Privat multe laboras por la preparado de tiu valora teatraĵo.

La balo (kaj la ekskurso al Interlaken) estos speciale brilaj festoj. Pro tio ni deziras, ke la Esperantistoj, kaj precipe la Esperantistinoj alportu naciajn kostumojn, se eble aŭtentikajn (kaj ne karnavalajn), ĉar la intereso de tiuj kostumoj estas montri la diversajn naciecojn. Alportu ankaŭ multajn flagojn naciajn kaj esperantistajn por meti ĉe la fenestroj, ĉar la urbo Bern estas malgranda kaj povas do pli facile esti dekoraciita, ol granda urbo.

La Franca-Svisa firmo en Bern entreprenis la eldonon de oficiala fest-albumo por la IXª Kongreso, kun 12 bildoj uzeblaj ankaŭ kiel poŝtkartoj. Baldaŭ aperos ankaŭ la Kongreslibro, kun interesaj informoj pri la Kongreso kaj pri la Svisa lando, nomaro de la kongresanoj enskribitaj ĝis la la 15 de Julio, k. t. p. Do, se vi volas aperi en la Kongreslibro, rapidu sendi vian aliĝon.

R. de Saussure,
*Ano de la Organiza Komitato.*

## KIEL VETURI AL LA NAŬA

### London-Basel-Bern.

Speciala malmultekosta karavano ekiros de Cha ng-Cross, vendredon, 22 de Aŭgusto 1913, tra Dover, Ostend, Ghent, Strassburg, kaj Basel, per speciala vagonaro, je 9 h. vespere, alvenonta al Bern je 9 h. 5 vespere, sabaton.

*Kondukisto.* — S^ro J. Bredall, F. R. G. S. vicprezidanto de la Londona Esperanto Klubo. *Helpanto.* — S^ro S. R. Marshall. *Prezo.* — £ 6. 2. 6. (61,25 Sm.).

Por tiu sumo oni havas rajton al dua klasa bileto ĝis Bern, ŝatindaj loĝejo kaj manĝado en Bern (t.e. ĉambro, matenmanĝo kaj vespermanĝo ĉiutage), komencante je la vespermanĝo sabaton 23 de Aŭgusto, kaj finiĝante je vespermanĝo vendredon 29.

La vojaĝbiletojn oni povas uzi por reveni iun tagon dum 25 tagoj post la foriro, kaj revenante oni povos halti en Strassburg, Metz, Luxemburg, Bruxelles, Ghent (por vidi la ekspozicion), Bruges kaj Ostend.

*Laŭvolaj aldonaĵoj.* — La klaso sur la ŝipo 4 s. (Sm. 2.). Por reveni de Bern tra Parizo, Calais aŭ Boulogne 10s. 6d. (Sm.5.25). Oni devos decidi pri tio, antaŭ ol ekiri de Londono.

*Pluan pensionan loĝejon* oni povos havi laŭ aranĝo kun la pensionestro.

*Maten- kaj tagmanĝojn* oni povos havi survoje en la vagonara manĝvagono je moderaj prezoj.

Oni ŝanĝos vagonarojn en Basel, kie okazos halto de 2 horoj.

Oni skribu *kiel eble plej baldaŭ* al THOS. COOK and SON, Ludgate Circus, *London*.

### Stuttgart-Bern.

Post la Kongreso de G. E. A. en Stuttgart, estos aranĝata komuna vojaĝo al Bern je malaltigitaj prezoj sub la aŭspicioj de U. E. A. kaj G. E. A. La karavano forveturos el Stuttgart sabaton 23 Aŭgusto je 8 h. 3 matene. En Zürich gesamideanoj akceptos la karavanon dum la duhora restado. Alveno en Bern je 6 h. vespere. La prezoj estas : II^a^ klaso : M. 19,20; III^a^ klaso : M. 12,70.

Oni sendu jam nun la monon al la kongresa kasejo, Bankhaus Hochberger, Calwerstr. 33, Stuttgart, aŭ al S^ro^ P. Christaller, Neue Weinsteige 61, Stuttgart (konto n° 151 ĉe Ĉekbanko Esperantista). Se partoprenos su fiĉe da personoj oni veturos per speciala vagonaro-kaj la prezoj malaltiĝos ankoraŭ pli.

### Marseille-Lyon-Bern.

Esperantia Karavano deiros de Marseille la 21 de Aŭgusto (jaŭdon) je 11 h. 56 matene. Ĝi akceptos partoprenantojn aliurbajn kaj alilandajn en Marseille kaj en ĉiu stacidomo inter Marseille kaj Lyon. Por tio necesas kaj sufiĉas, ke tiuj partoprenontoj sendu 8 tagojn antaŭe vojaĝpagon de sia kuniĝa punkto ĝis Bern kaj nepre atingu la supredifinitan vagonaron ĉe tiu punkto : oni bezonas tempon por mendi bileton multpersonan kun rabato, kaj estus tre malagrable, se karavano alvenus post forveturo de sia vagonaro!

Je 18 h. 52 alveno en Lyon, kie okazos en la Esperantista Hejmo intima vesperfesteto. Vendredon travizitado de Lyon. Sabaton je 7 h. 5 forveturo por alveni en Bern je 16 h. 52; oni devos tagmanĝi envagone.

Ĉiu karavanano povos reveni aparte, sed oni proponas, foriri matene (lundon 1 de Septembro aŭ alitage) de Bern, halti en Genève por viziti la C. O. de U. E. A., vespere alveturi Lyon por pasigi la nokton.

Petojn pri informoj kaj prezoj, monon, aliĝon, oni sendu al S° A. Giraud, 2 rue, du Nil, Marseille.

### Paris-Bern.

Nia fervora samideano, S° E. Souchay, delegito de U. E. A. en Parizo, 134, boulevard Excelmans, organizas karavanon, kiu veturos de Parizo al Bern, oni sin turnu al li.

La gesamideanoj, kiuj intencas iri al la Naŭa per bicikleto estas petataj sin konigi al S^ro^ Lecler, 71, Rue Monge, Paris.

# DEKLARACIO PRI MONDAMIKIĜO

*La legantoj de « La Revuo » jam de longe scias, ke Sir* Vezey Strong, *kiu en la nomo de la Londona Civito akceptis en 1907 la Esperantistojn en la Guildhall, kiu poste fariĝis la « Lord Mayor » de la granda Ĉefurbo, estas nun plej sincera kaj agema Esperantisto. Li tion jam pruvis pli ol unu fojon kaj precipe dum vojaĝo, kiun li faris al Bohemujo, kaj kiu havis plej gravajn konsekvencojn, samtempe por Esperanto kaj la Pacifismo.*

*Niaj samideanoj ne miros do legante la ĉi suban leteron, kiun nia eminenta kunbatalanto sendis al la Redakcio de la gazeto « Pola Esperantisto » por esti publikigita kaj diskonigita inter la tuta Esperantistaro.*

*Kun plezuro kaj profunda dankemo « La Revuo » sendas al Sir* Vezey Strong *la respektplenan esprimon de siaj koraj gratuloj.*

C. B.

Tre Estimata Samideano,

Ĉar mi deziras atentigi la Esperantistaron de la tuta mondo pri gravega antaŭenpaŝo en la direkto de paco kaj internacia amikiĝo, mi min turnas instinkte al « Pola Esperantisto », ĉar Polujo kaj Varsovio estas la lando kaj urbo karaj al ĉiu Esperantisto kaj al la amikoj de la Esperanta movado.

Tiu urbo kaj tiu lando estas la urbo kaj la patrolando de Zamenhof, kiun mi, kiel Skabeno de Londono, anstataŭante la tiaman Ĉefurbestron, havis la honoron akcepti en la antikva Gildhalo de Londono, okaze de la Kembriĝa Kongreso 1907.

Pli malfrue, en la memorinda jaro (1911) de la Kronado de la Reĝo kaj Reĝino de Britujo, mi mem estis Ĉefurbestro de Londono.

Estis mia privilegio, en tiu ofico, prezidi en la Gildhalo, la historian Kunvenon Pro Paco kaj Arbitracio inter Britujo kaj Ameriko. Ĝi estis kunveno tute solstara, ne nur en la historio de Londono, sed mi kredas, en la ĝisnuna historio de la mondo.

Lia Reĝa Moŝto, Georgo V, esprimis al mi sian reĝan kontentiĝon pro la ricevo de la raporto de opinioj unuanime esprimitaj pri « demando tiel vaste kaj senmezure grava, el tia kunveno, kiu elmontris ĉiujn fakojn de la penso en nia vivado, religia, politika, kaj sociala ».

Mi sendigis ekzempleron de la plena raporto de tiu kunveno, enhavantan la parolojn, al la Ĉefurbestro de ĉiu urbo en Granda Britujo kaj ĝiaj kolonioj tra la tuta Brita Imperio.

Plie, ĝi estis tradukita en Esperanton, kaj tiamaniere disvastigita tra la mondo. La Esperantistoj siavice, legis ĝin en siaj rondoj, tradukis ĝin nacilingve, kaj kiel eble plej multe divastigis ĝin. Estas nun mia privilegio diskonigi al la Esperantistaro la jenajn gravajn faktojn, kaj mi forte

petas kaj konsilas, ke ili disvastigu tiujn faktojn, kiom eble plej multe, ne nur en Esperanto, sed ankaŭ per la diversaj naciaj lingvoj.

En la nuna numero de la « Fortnightly Review » (Duonmonata Revuo) aperis artikolo verkita de Sir Max Waechter, — artikolo verkita post multe da priparolado kun reĝoj kaj ŝtatministroj, — en kiu la verkinto antaŭmetas planon antaŭ la mondo, por la federacio de Eŭropo, farante tiamaniere el la grandaj potencoj, amikan rondon.

Sir Max Waechter diras :

« Ekzistas ses grandaj ĉefŝtatoj en Eŭropo. Ili konsistas el du grupoj : — « The Triple Alliance ». (La Triopa Ligo) Germanujo, Aŭstrio-Hungarujo kaj Italujo; kaj « The Triple Entente » (La Triopa Interamikiĝo) Francujo, Rusujo kaj Granda Britujo ». Estas mia devo plene klarigi la fakton, ke niaj britaj ŝtatministroj antaŭ nelonge deklaris, ke ne ekzistas ia « laŭleĝa ligo » inter Britujo kaj Francujo, sed feliĉe ekzistas tamen, tre amika sento de interkompreniĝo, kiu estas multe pli bona, pli sendanĝera kaj daŭra, ol ia sur-pergamenta ligo, ĉu por ofendi aŭ defendi. Ĉi tiu amika sento estas konata sub la nomo de « l'Entente Cordiale » (La kora Interkonsento).

El ĉio ĉi tio sekvas, ke por la bonstato de la mondo tia « Entente Cordiale » devas ekzisti, ne nur inter du aŭ tri landoj, sed inter ĉiuj landoj.

Ni volas « Entente Cordiale »,
Sed ĝi estu kun la mond'.

Antaŭ ol atingi tion, estos tamen necese, ke ni havu unuigitan Eŭropon, — al kiu, ni povas espereble aldoni la Unuiĝintajn Ŝtatojn de Ameriko. Per tia kombino, kunlaborante en amika unueco por la bono de la nacioj, la paco de la mondo estos, espereble, certigita. Sir Max Waechter pro tio, fondis Ligon por la federacio de Eŭropo. Malfacila tasko, sed malfacilaĵoj ekzistas nur por esti venkotaj. Li metas antaŭ la legantoj faktojn kaj ciferojn rilatantajn al la senmezure granda kaj ĉiam kreskanta elspezado por armita armearo.

Eŭropo elzpezas en la nuna tempo la sekvantajn sumojn :

| | | | |
|---|---|---|---|
| Por armeoj. . . . . . . . . . . . | po | £ 241 000 000 | jaro |
| Por militŝiparoj. . . . . . . . . | po | £ 125 000 000 | — |
| | | £ 366 000 000 | |

*Tri cent kaj sesdek milionoj da funtoj sterlingaj!* — Ĉar unu angla funto sterlinga, egalas proksimume 10 spesmiloj, Esperante, tiu sumo egalas 3 660 000 000 da spesmiloj.

Kion farus la Esperantistoj per tia neimagebla sumo ?

Unu aferon certe ili neniel farus. Ili certe ne aĉetus per ĝi rimedojn por mortigi unu la alian.

Ho! kia senlima perdo kaj malŝparo de multvalora kaj tre bezonata mono, por ke fratoj el la homa raso mortigu unu la alian!

Kia speco de diablo instigas la naciojn forrabi la homaron por ĝin mortigi!

Kiu suferadas? La tuta homraso suferadas, — sed super ĉiuj la malriĉuloj. Do, Sir Max Waechter atentigas nin pri la timeginda malŝparo de

mono, — pli serioze, — pri la nehumana malŝparo de la homa vivo kaj energio, kiujn, se ili estus direktotaj al saĝaj utiligoj, povus servi por la beno kaj bonstato de la tuta homaro. Li alvokas per ĉiuj siaj fortoj la Eŭropajn naciojn, ke ili ĉesigu tiajn frenezaĵojn, kaj ke ili sin turnu al la studado de la rimedoj, per kiuj ili pli profite povas uzi la donacojn de Dio. « Sed kiel komenci? » diras tiu bona amiko de la homaro. Britujo komencu, li respondas. Granda Britujo, la amiko de la paco, la lando de Edward la Pacfaranto kaj la lando de lia filo, nia reganta Reĝo Georgo V, kiu estas, eble, la plej praktika el ĉiuj reĝoj, kiuj iutempe regis ĉi tiun imperion. Reĝo Georgo estas amiko de ĉiuj homoj, sed precipe de l' neriĉuloj. Eĉ en ĉi tiu momento li sin okupas, farante senceremonian rondiron (aŭtomobile) tra sia regolando, persone vizitante la urbojn kaj domojn de siaj regatoj.

Tiamaniere li mem pli bone observas, kiel ili vivas, laboras, kaj studas, kiamaniere ilia sorto povas esti plibonigota, por ke ili pli efike servu al la homaro. Tia senpompa reĝa vizitado ĝis nun neniam okazis en la historio de la Brita nacio.

Saĝe do, Sir Max Waechter diras, ke la tempo estas matura por la konsidero de tia temo. Sed estas videble, ke unueco de Eŭropo nur estas ebla, se Granda Britujo kaj Germanujo plene harmonias. Pro tio, estas necese, ke ia klopodo por la amikiĝo de Eŭropo devas komenciĝi per plenkora amikeco inter Britujo kaj Germanujo. Sed tio ne signifas : Britujo kun Germanujo kontraŭ Francujo kaj Rusujo aŭ kontraŭ iuj aliaj nacioj.

Britujo malkaŝe diru al siaj amikoj Francujo kaj Rusujo : — « Ni deziras plene amikiĝi kun Germanujo, ne *kontraŭ* vi, sed *por* vi, kaj por la tuta mondo. Ne suspektu nin, sed helpu nin. Ni sciigos al vi la marŝadon de l' afero, kaj via pozicio ne malpliboniĝos, sed kontraŭe multe pliboniĝos.

Post la stariĝo de « l'Entente » (interkonsento) inter Granda Britujo kaj Germanujo, farita kun honesta intenco por la aliĝo de l' tuta Eŭropo, la sekvanta paŝo estos facila. Post tio, Francujo kaj Rusujo, Granda Britujo kaj Germanujo, Aŭstrio kaj Italujo komprenos, ke ili havas nenian komunan celon tiel gravan, kiel paco.

Post la federaciiĝo de Eŭropo, kaj la interkompreniĝo de ĉiuj angleparolantaj popoloj, estos ŝparataj la senmoderaj sumegoj, kiuj nun estas forĵetitaj por multege tro granda militpreparado, sed ili estos ŝparataj, por ke ili estu reelspezotaj por la civilizado, bono kaj progresado de la tuta homa raso.

Komuna konfido estos restarigita, komercaj aferoj pliprosperos, kaj la sorto de l' popoloj de la mondo ĉiamaniere pliboniĝos.

Malfacilaĵoj sin montros, sed pacienco, fido, kaj saĝe direktata, sistema laborado, ĉion venkos.

Tia estas, mallonge, la idealo de la Eŭropa Federacia Ligo.

## Mondamikiĝo.

Kune kun tiu Ligo, kunlaboradas grupo de amikoj en ĉiuj landoj, nomita « La Societo por Mondamikiĝo ». Mi estas la Prezidanto de ĉ tiu

Societo. Ĝi jam faras konstantan kaj utilan fundamentan laboron en senbrua maniero. Ĝi agos, ekzemple, kiel la Brita filio de la « Conciliation Internationale » (Societo por Konkordiĝo Internacia) fondita de la Barono d'Estournelles de Constant, en Parizo, kaj kun ĝiaj filioj en Ameriko, Germanujo, k. t. p.

Plie, ĝi agos en intima kunlaborado kun « La Ligo por Eŭropa Federaciiĝo ». Tamen, la organizacioj estos ĉiuj memstaraĵ, samcele kunligitaj, ne oficiale, sed ĉiu agante libere, — kunligitaj ankaŭ kun ĉiuj aliaj organizacioj tra la tuta mondo, kies celoj estas paco kaj bonvolo al la tuta homaro. La Societo por Mondamikiĝo estas la rimedo, kiu kunligas ĉiujn ĉi tiujn, ĉar ĉiu membro de tiu Societo solene promesas helpi ĉiajn klopodojn por prosperigi « la artojn de paco » [1] tiel, ke la popoloj de l' mondo amike interlaborados por komuna bono.

Finante mi deklaras, ke la Societo por Mondamikiĝo estas bazita sur fido al Dio, kaj konfido je Lia konstanta gvidado.

Ĝi komenciĝis en la Gildhalo de Londono, la antikva centro de la komuna vivo de l' Brita Imperio [2].

La devizo de la urbo Londono estas « Domine dirige nos » (« Dio gvidu nin »). El tiu Halo kaj el la devizo, la Mondamikiĝa Societo elĉerpas sian konstantan inspiradon.

La fondintoj de la Societo por Mondamikiĝo fidas al la frateco de l'homaro, ĉar ili fidas al la patreco de Dio.

Al ili, la idealo de mondamikiĝo estas esprimita en ĝia pleneco per la eldiroj de Jesuo. Tiuj eldiroj sin trovas en la Nova Testamento, kies Esperantan tradukon priparolis « Pola Esperantisto »

Farante ĉi tiun konfeson pri sia propra fido, la fondintoj neniel deziras altrudi al aliaj mondamikoj iajn « dogmojn de blinda fervoro ». Tute kontraŭe. Sed ili nepre deziras atentigi pri la bazo, sur kiu ili persone staras kaj sur kiu ili volas konstrui. Tiu bazo estas la eldiroj de Jesuo. Ĉi tiuj eldiroj sin trovas en « La Prediko sur la Monto » en « La Beataĵoj », kaj en « La Preĝo de Nia Sinjoro » (« Patro Nia »). Ĉio ĉi tio sin trovas en la 5a, 6a, kaj 7a ĉapitroj de Sankta Mateo, la unua libro de la Nova Testamento.

« Feliĉaj estas la humilaj, ĉar ili heredos la teron »

« Feliĉaj estas la kore puraj, ĉar ili vidos Dion ».

« Feliĉaj estas la kompatemaj, ĉar ili ricevos kompaton ».

« Feliĉaj estas la pacigantoj, ĉar ili estos nomitaj la filoj de Dio. »

La fondintoj de la societo por Mondamikiĝo fidas preĝadon.

Pro tio ili forte petas, ke ĉiuj popoloj tra la tuta mondo — kia ajn estas la formo de ilia religia kredo — elpetu la gvidadon de Dio je ĉiu paŝo de sia laborvojo.

1. « La artoj de paco », t. e. pentrarto, muziko, dramo, literaturo, urbkonstruado, parkoj, ĝardenoj, komerco, fabrikado; unuvorte ĉio kio, helpas la progresadon de civilizado kaj la pacon, feliĉecon kaj prosperecon de la homaro.

2. La Gildhalo estas la sidejo de la urbestra regado de Londono. Tie kunvenas la urbkonsilantaro, kies Prezidanto estas la « Lord Mayor » (Ĉefurbestro).

Jam de unu jarmilo la Gildhalo estis kaj estas la akso de senlime grava agemeco. Ekzemple ĉi tie estas gastigitaj de la urbo Londono la Britaj kaj alilandaj Reĝoj. Plie, estas akceptataj ĉi tie la plej famaj kaj gloraj vizitantoj, k. t. p.

La « Patro Nia » estas mondpreĝo, kiun ĉiuj el ni povas diri kun egala sincereco.

Fido al komuna Patro devas unuigi liajn gefilojn, ne malunuigi ilin.

Tiuj el niaj mondamikoj, kiuj ne havas iun religian fidon, certe nin helpos per siaj amikaj pensoj kaj praktika kunlaborado.

La fondintoj ankaŭ forte petas, ke ĉi tiu letero estu represota kaj disvastigota, kiel eble plej multe, pere de Esperanto kaj pere de la diversaj nacilingvoj.

Ili petas ĉiujn, Esperantistojn kaj neesperantistojn, ke ili pripensu, kiamaniere la celo mondamikeca estu plej bone progresigebla — laŭ lokaj cirkonstancoj — en ilia regiono.

Plie, ili petas, ke ĉiu leganto, kiu simpatias kun la celo, tuj komencu fari ion ajn praktikan, eĉ ŝajne plej malgrandan, por ĝia realiĝo; ke li skribu poŝtkarton (ilustritan se eble), esprimante sian opinion pri la dirita temo, kaj kiamaniere ili povas helpi antaŭenigi ĝin. Laŭ la afabla permeso de S^ro^ F. Herbert Stead M. A., Ĉefdirektoro de la Browning Settlement (fratarejo Browning) oni adresu la respondojn jene :

Al la ĝenerala sekretario de World Friendship Society (Societo por Mondamikiĝo) Browning House, Walworth, London S. E. (Anglujo).

Estas tre altvalora ero en la ĉeno de amikeco, ke S^ro^ Herbert Stead donas al ni tiun permeson, ĉar en Browning House komenciĝis multaj gravaj kaj helpemaj movadoj, naciaj kaj internaciaj. Nia neforgesebla mondamiko W. T. Stead, granda homamanto, frato de S^ro^ Herbert Stead, profunde kaj persone interesiĝis pri la bonstato de la Browning Settlement, kie oni faras tiom da sindonema laborado por la beno kaj fratiĝo de l' homaro.

Ni tre esperas, ke en Berno, dum la Esperanta Kongresa Semajno, okazos Mondamikiĝa Kunveno. Tie detaloj estos antaŭmetitaj antaŭ niaj amikoj el ĉiuj partoj de l' mondo.

Kun koraj salutoj kaj bondeziroj,
Mi restas,
Tre sincere via,
SIR VEZEY STRONG.

---

# BABILADO

Antaŭ kelkaj monatoj mi insiste parolis pri la neceseco laboradi *ekster* la Esperantistaro, agadi ne en niaj vicoj, sed en la varbota publiko, enigi nian lingvon en ĉiujn mediojn. Tiuj ideoj altiris al mi multajn interesajn leterojn, kaj mi volonte revenas al tiu temo.

Nia propagando devas sin turni : 1e al la neesperantistaj gazetoj, 2e al ĉiuj internaciaj kongresoj, 3e al ĉiuj fakaj societoj, konferencoj aŭ kunvenoj, kiuj havas iun internacian karakteron.

*
* *

Senĉese ni legas en niaj esperantistaj gazetoj sciigojn pri artikoloj aperintaj en naciaj ĵurnaloj, koncerne Esperanton. Plej ofte ni tion ŝuldas al la efika iniciato de fervoraj samideanoj. Jen, en « Le Progrès du Nord » nia amiko So Barat, el Lille, publikigas tradukojn el artikoloj aperintaj en « Scienca Gazeto », kaj same mi kun plezuro retrovis en diversaj naciaj Revuoj tradukojn el artikoloj de « La Revuo ». Ekzemple la interesaj « Revelacioj de la Ĥeopsa Piramido » de abato Moreux estas represitaj en kvin lingvoj : la lasta estis en la germana gazeto « Nord und Süd » tradukita de Sro W. Neurath. Nenio pli forte impresas la neesperantistan publikon, ol la scio, ke bona artikolo estas tradukita el Esperanto.

— Kiel? El Esperanto? — diras la skeptikuloj. — Ĉu do oni povas vere trakti gravajn temojn en tiu lingvo?

Sed, kiam la scivolo estas vekita, ni ne devas halti. Multaj kaj multaj artikoletoj estas necesaj por senhalte daŭrigi la unuan favoran impreson. Jen gazetoj, kiel « Le Journal du Creusot », dank' al la tiea Grupo, la Ligura ilustrita revuo, la « Mercantil Valenciano » dank' al amiko Andrès Piño, la « Plume Sténographique » redaktita de malnova samideano, « The international Psychic Gazette », « Le Fraterniste » dank' al Camille Chaigneau, « Concordia » kun Samuel Meyer, la Toulona « Vie Sportive », « Le Journal de la Famille » sub redaktado de Sro Génermont, kaj aliaj, kiujn mi ne tuj memoras aŭ kiujn mi ne konas, kiuj akceptis *regulan* konstantan rubrikon pri Esperanto. Utilus, se ni starigus ilian liston, se ni ĝin diskonigus, por ke la Esperantistoj helpu tiajn grandvalorajn kaj dankindajn kunlaborojn. Mi kun ĝojo publikigus en « La Revuo » la liston de tiuj esperantemaj ĵurnaloj, kaj mi tre instigas niajn legantojn, ilin konigi al nia Redakcio.

Sed tio estas ja escepto. Ni ne ĉiam povos atingi tian belan rezultaton, kaj tiam ni devas kontentiĝi pri neregulaj, sed kiel eble plej oftaj, artikol-

etoj en naciaj gazetoj. Por tio vera organizado kaj metoda pacienca agado estas necesaj.

Mi jam unu fojon rakontis, kion unuaj elpensis niaj holandaj samideanoj. Ili regule publikigas flugfoliojn en holanda lingvo entenantajn diversajn, precipe *mallongajn*, informojn pri la progresado de nia lingvo. Tiuj folioj ne estas venditaj al la publiko. Ilin aĉetas nur la grupoj aŭ izolaj propagandistoj por ilin sendi aŭ porti al siaj lokaj gazetoj. En la komenco tiuj ĉi ne enpresis ilin; sed iom post iom pro senĉesa premado, la naciaj gazetoj kutimiĝis al enpreso de informoj pri nia movado kaj de tiam daŭrigas senhalte. La Franca Societo imitis tiun bonan ekzemplon; sed bedaŭrinde ĝiaj grupoj ne ĉiam komprenis la utilon de tiu propagando kaj ne sufiĉe uzas la eldonitajn « Communiqués ». Cetere tio devus esti pli ĝenerale organizita, kaj jen nova ekzemplo pri servado de centra organizaĵo. Tion ja komprenis Generalo Sebert, kaj tiacele volas fondi « Informan Bultenon ». La funkciado estus tiam tre simpla :

1° El ĉiuj landoj, ĉiuj grupoj esperantistaj, ĉiuj propagandistoj devus sendi al la Centra Oficejo *tujan* informon pri la gravaj okazintaĵoj, sukcesoj, progresoj de Esperanto en sia urbo.

2° Tiuj informoj estus mallonge, koncize kiu laŭorde enpresitaj en la « Informa Bulteno ».

3° Poste en ĉiu lando, la nacia propaganda societo tradukigus tiujn ĉi informojn en la nacian lingvon kaj eldonus ĉiumonate aŭ eĉ pli ofte specialan folion disdonotan al la landaj gazetoj.

4° Ĉiuj grupoj zorgus por provizi la gazetojn de sia urbo per tiuj folioj kaj ilin instigi al represo.

* * *

La propagando en neesperantistaj internaciaj kongresoj estas dua potenca rimedo por diskonigi nian lingvon kaj ĝian utilon.

Ni regule, almenaŭ kiom ni povas, konigas al la legantoj de « La Revuo » la diversajn internaciajn kunvenojn kaj ankaŭ raportas pri la klopodoj en ili faritaj de niaj samideanoj.

Jen en la granda internacia Kongreso de Eldonistoj en Budapeŝt, lia Prelata Moŝto D° Johano Kiss, rektoro de la Universitato, faris la 9 de Junio paroladon pri Esperanto ; jen en la Deka Virina Kongreso F^ino^ Gérard kaj S^ino^ Diou-Trouillon faris gravan propagandon por nia lingvo ; jen en la Oka Scienca Kongreso de Ĉilio niaj samideanoj voĉdonigis tre favoran deziresprimon por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn ; jen ankaŭ en Madrido la Kongreso de Komercaj Ĉambroj, kiu « rekonas la necesecon disvastigi la instruon de Esperanto » ; k. t. p. Sed tiuj izolaj faktoj devas esti ĝeneraligitaj, kaj tio estos nur tiam ebla, kiam ĉiuj Esperantistoj komprenos, ke ili devas konstante *eliri* kun Esperanto, ke ili devas porti nian standardon eksteren de nia tendaro. Cetere ne nur Kongresoj, sed ĉiuspecaj kunvenoj aŭ okazoj devos por tio esti utiligitaj.

La « Dépêche de Brest » raportas pri vizito de ses francaj Esperantistoj maristoj kun esperantista maroficiro al la Grupo de Portsmouth dum la restado de franca eskadro en la angla haveno, la 25 de Junio. Tio faris

gravan impreson speciale pro la fakto, ke la *aliaj* francaj maristoj tute ne povis interkomprenîgi kun siaj anglaj kamaradoj.

Dum vojaĝo al Usono nia nelacigebla samideano, S° Ed. Privat, faris viziton al S° Woodrow Wilson, la nova Prezidanto de la Ŝtatoj kaj ankaŭ estis akceptita de la Usona Ŝtatsekretario S° Bryan, kiu promesis, ke Usono estos oficiale reprezentita en la Naŭa Kongreso.

Jen bonegaj ekzemploj, kiujn ni devas imiti. Ne sufiĉas, kiel ofte diris mia amiko Rollet de l'Isle, ke oni lernu Esperanton. Oni devas ĉiuokaze, ĉiutempe, ĉiumaniere konigi ĝin, proponi ĝin kaj precipe *uzi* ĝin. Esperantisto, kiu ne laboras por la disvastigo de sia lingvo, similas al persono, kiu posedas bonegan telefonaparaton, sed kiu sola, en sia urbo, havas tian aparaton kaj ne klopodas, por ke aliaj ankaŭ havigu al si telefonilon.

*
* *

Mi volis ankaŭ paroli pri la propagando en fakaj societoj, pri la uzo de nia lingvo en scienco. k. t. p., pri la Poŝtistoj, la Kuracistoj, la Juristoj, k. c.; sed la temo estas tiel vasta, ke mi devas ĝin prokrasti por pli dece kaj pli longe ĝin trakti.

Nun alia grava afero altiras nian atenton : la Naŭa Kongreso en Bern. Nia amiko S° de Saussure tie ĉi vokas ĉiujn Esperantistojn al Svisujo. Mi aligas mian voĉon al la lia kaj kun li energie instigas niajn kunbatalantojn al tuja enskribo por la Kongreso.

Ĝis baldaŭ en Bern.

CARLO BOURLET.

**Lasthore** ni ricevas la sekvantan tre interesan sciigon :

La Direktanta Komitato de la Kvara Kongreso de la « Internacia Unuiĝo Vegetarista » invitas la Esperantistojn (per speciale esperante redaktita letero) al ĉeesto en ĉi tiu kongreso, kiu okazos en Hago la 24, 25 kaj 26 de Aŭgusto 1913. Kongreskartoj, po fl. 3, estas akireblaj ĉe la ĝenerala sekretariino, Nobelino *M. J. C. Ortt*, Laan van Meerdervoort 383, Hago.

# INTERNACIA VIVO

## Neceso de internacia konferenco pri la kosto de la Vivo [1]

de S° Irving Fisher,
Profesoro ĉe la Yale University.

Ni ne povas, pro manko da loko, laŭvorte traduki la tre rimarkindan artikolon de S° Irving Fisher. Ni klopodos eltiri el ĝi la esencon kaj prezenti al niaj legantoj resumon kiel eble plej ĝustan.

La universala plialtiĝo de la kosto de la vivo naskis la publikigon dum la tri lastaj jaroj de multegaj raportoj duonoficialaj kaj oficialaj; nome: en Kanada, en Usono, en Francujo, en Aŭstralio, en Nova-Zelando. La *Board of Trade* en Granda Britujo kaj la Registaro de Hindujo nun trastudas la saman demandon.

La lastan jaron oni multe insistis pri la kunvenigo de internacia konferenco pri la kosto de la Vivo.

S° Irving Fisher atentigas, ke tiu ideo jam estas formulita antaŭ tri jaroj de P^ro^ Stefan Bauer, el Bâle, kaj antaŭ kvin jaroj de S^oj^ Beyron, W. Holt kaj D^ro^ G. Pease Norton en la *Moody's Magazine* New-York City.

La utileco de tiu enketo estas evidenta. Ĝi estas la konsekvenco de grandega malkomforteco, kiu fariĝis universala. Tiu malkomforteco devenas de la plialtiĝo de la prezoj sen responda ekvilibro de la salajroj, procentoj, luprezoj, k. t. p. Tio okazigis, sur la du kontinentoj kolerojn, popolajn ribelojn kaj kredeble la politikajn malfacilaĵojn. Oni provas kontraŭbatali tiun malkomfortecon per leĝoj kaj novaj projektoj. Sed se kelkaj estas oportunaj kaj dezirindaj, multaj estas kontraŭe maloportunaj aŭ nesufiĉaj por malhelpi la plaltiĝon de la kosto de la vivo. Tio naskos elreviĝon nature kondukontan al socialismo, sindikalismo, kaj bedaŭrinde al perforteco. Kaj kredeble tiu malkontenteco venigos al revolucio.

La *index-numbers* de Bradstreet, de la *London Economist*, de la *Canadian Labor Office* pruvas, ke la nivelo de la prezoj en 1912 superas je 5 aŭ 6 procentoj la plej altan punkton de la nuntempa generacio. Kaj S° Irving Fisher certigas, laŭ statistika studo publikigita de li en la *American Economic Review*, ke la nivelo de la prezoj devige daŭros supreniri dum ankoraŭ multaj jaroj, escepte se oni decidas uzi viglajn kaj longtrafajn rimedojn.

1. Vidu la kajeron 12 de *La Vie Internationale*, 1913, pĝ. 295 k. s.

Post serioza studo oni baldaŭ ekvidas, ke la problemo ne estas nacia sed internacia, sekve, ke la rimedoj taŭgaj por detrui la malbonon ĝis la radikoj, devas necese esti internaciaj.

Tial nur internacia oficiala komisio povas okupi sin pri tio, ekzemple, la Oficejo pri Laboro, en Usono. La enketo devige estos monda kaj la metodoj uzitaj unuformaj.

Tiuj, kiuj esploris la problemon je loka vidpunkto, precize estas konvinkitaj pri la neceseco de internacia enketo por studi la demandon je ĉiuj vidpunktoj. Oni povas citi inter ili : la tri kandidatoj al la prezidanteco de Usono dum la lastaj elektoj; S^oj^ Marshall, el Cambridge; Leroy-Beaulieu, el Paris; Hirst, de la *London Economist*; Paish. de la *London Statist*; Keynes, de la *Journal of the Royal Economic Society*; Agden, de la *New York Evening Post*; Barker, de la *Philadelphia North American*; Arthur von Gwinner, direktoro de la *Deutsche Bank*, Berlin; Morawitz prezidanto de la *Anglo-Austrian Bank*, en Wien; Hepburn kaj Vanderlip, el New-York; Luzzati, el Italujo; Meyer, el Aŭstrio; Barono Sakatani, el Japanujo; Prezidanto Poincaré, en Francujo; la franca deputito Landry; Von Berlepsch, el Prusujo; Denburg, el Germanujo; Nitti, el Roma, March, el Francujo; Coats, el Kanado.

La Prezidanto Taft en sia politika letero al la Parlamento en Februaro 1912 ne ŝanceliĝas por elparoli la sekvantajn vortojn :

« De kelkaj jaroj la alta kaj pli kaj pli grandiĝanta kosto de la Vivo, tiel altiris la atenton de la publika opinio, ke mi opinias grandvalora la proponitan kunvenigon de internacia konferenco komisiita por ligi la planojn submetotajn al la diversaj Registaroj por enketo internacia pri la kosto de la Vivo, ĝiaj kaŭzoj, ĝiaj efikoj, kaj pri la taŭgaj rimedoj por ĝin malhelpi.

« Multaj enketoj faritaj en Aŭstrio, Belgujo, Kanado, Danujo, Francujo, Granda Britujo, Italujo, Nederlando kaj Usono forte pruvis la utilon de monda studo. La plialtiĝo de la prezoj estas preskaŭ, se ne tute, ĝenerala tra la terglobo. Sed tiuj, kiuj konstatis tiun fakton, estas senpovaj por difini la kaŭzojn, pro la neebleco fari internacian kaj komparan ekzamenon, ĉar la elementoj studataj ne estas advekataj; kaj ne ekzistas du landoj, kie la mezonombro de la prezoj estas starigita laŭ la samaj bazoj kaj la samaj metodoj. »

Antaŭ la letero de la Prezidanto de Usono al la Parlamento, senatano Crawford alportis al la Kongreso de Usono identan proponon pri la kunvenigo de internacia komisiono pri la kosto de la Vivo. Post la prezidanta komunikaĵo, S^ro^ Crawford, en la Senato, kaj S^o^ William Sulzer, tiam prezidanto de la Komitato pri fremdaj aferoj, en la Parlamento, prezentis samcelan proponon, kiu estis unuanime voĉdonita en la Senato la 15 de Aprilo 1912; la propono al la Parlamento, estis unuanime prezentita la 15 de Majo 1912 de la komitato pri fremdaj aferoj. Bedaŭrinde pro diversaj prokrastoj la propono al la Parlamento ne estas enskribita en la tagordo antaŭ la fino de la kunsida periodo. Sed ĉar Prezidanto Woodrow Wilson ankaŭ interesiĝas pri la demando, li kredeble denove prezentos la proponon al la venonta kongreso. Povas okazi cetere, ke en la intertempo alia nacio prenos samcelan iniciativon.

Tiu konferenco celos : 1° kolekti ĉiujn utilajn *faktojn* rilatajn al novaj ŝanĝoj de la salajroj, al la kosto de la vivo, ĝenerale, al la prezoj en la tuta mondo, kaj fari internaciajn komparojn; 2° konigi la ĉefajn *kaŭzojn* kaj *konsekvencojn* de tiuj ŝanĝoj kaj ankaŭ la diferencojn internaciajn konstatitajn; 3° diskuti la taŭgajn *rimedojn*.

Diagramaj bildoj montras la ĝeneralan altiĝon de la prezoj en ĉiuj landoj. La tre malgrandaj malsamaĵoj rimarkeblaj, preskaŭ ĉiam devenas el la malsamaj metodoj uzitaj de la statistikistoj. Tial unu el plej evidentaj kaj tujaj utiloj de la kunvenigo de internacia komisiono pri la kosto de la Vivo, estos uniformigi la statistikojn. Sed la demando pri la kosto de la Vivo naskas pli ol nurajn statistikojn de prezoj. Du tute malsimilaj problemoj efektive prezentiĝas, laŭ tio se oni signifas per altiĝo de la prezoj, simple altiĝon de la prezoj aŭ altiĝon de la prezoj pli rapidan ol la altiĝon de la rentoj kaj salajroj. Ni bezonas koni kiamezure ekzistas vera altiĝo de la prezoj, kiamezure ĝi superas la altiĝon de la salajroj; kiamezure la manlaboristo, la dungato, la kreditantoj, la deponantoj de la ŝparkasoj malprofitis, ĉu okazas nur translokiĝo de komforteco de klaso al alia, ĉu kontraŭe okazas reala malprofito por ĉiuj.

Do la konferenco utile al ni konigos unue la faktojn, due la kaŭzojn, tiom pli ĝuste, ke ĉiu, klarigante sian vidmanieron, helpos naski pli ĝustan scion de la realeco.

Certe oni tro esperus pensante, ke unu konferenco sufiĉos por atingi universalan interkonsenton pri la kaŭzo de la plikariĝo de la Vivo. Sed tamen oni rajtas esperi, ke ĝi sukcesus forigi multajn malkonsentojn kaj densigi la diskuton pri kelkaj difinitaj punktoj.

Nun la malakordo pri la kaŭzoj de la altiĝo de la kosto de la Vivo estas plena. S° Paish opinias, ke ĝi devenas de la restarigo de la kredito tra la mondo, aliaj, ke tia vere estas la kaŭzo, ĉar tiu restarigo de la kredito plimultigis la uzon de la ĉekoj, helpantoj de la mono; kelkaj pensas, ke ĝi devenas de la malbonaj rikoltoj aŭ de naturaj okazintaĵoj; aliaj de la plialtiĝo de la salajroj kaj samtempe de la malpliigo de la laboraj horoj; aliaj de la dogana leĝarigo, k. t. p., k. t. p.

Ĉiu kulpigas sian najbaron : la farmulo kulpigas la makleriston, la makleristo kulpigas la spekulaciiston, la spekulaciisto la vendiston pogrande, tiu ĉi kulpigas la vendiston podetale, la vendisto podetale la klienton, kaj la kliento la truston, la trusto la laboristajn sindikatojn, kaj tiuj ĉi la doganajn tarifojn. Pri la rimedoj ankoraŭ pli aperas la universala malakordo.

Tamen oni ne povas nei, ke la konferenco faciligos la ellaboron de estontaj rimedoj, certigante al ĉiuj nacioj la profitojn de la spertoj kaj de la eltrovoj de ĉiuj aliaj.

La konferenco atingos tiun rezultaton dumaniere, unue konigante kelkajn praktikajn ekonomiojn poste plivigligante la publikan spiriton, por ke ĝi eltrovu rimedojn pli gravajn kaj pli malprovizorajn, por la estonteco.

El ĉiuj rimedoj, kiuj estas atentindaj, ni povas citi la sekvantajn : revizio de la doganaj tarifoj; leĝarigo de la monopoloj; uzo de la kooperado; publikigo de la prezoj kaj de la profitoj; malplimultigo de la

makleristoj, forigo de la impostoj pri oleo, margarino kaj de la impostoj influantaj la koston de la vivo, kreado de urbaj vendejoj, okupado de neluitaj domoj; enkonduko de leĝoj pri la asekuroj de la laboristoj, kaj pri la kompensoj al ili ŝulditaj; starigo de kluboj por la mastrumaĉetoj, instigo al malpli luksa vivmaniero; regularigo de la malvarmigaj fabrikejoj; revizio de la registaraj regularoj pri pesiloj kaj mezuriloj, kreado de elasta monsistemo.

La tre lerta aŭtoro de tiu ĉi artikolo, S^ro^ Irving Fisher, akordiĝas kun S^o^ Woodrow Wilson, nuna Prezidanto de Usono, kaj S^ro^ Anewim Williams, brita parlementano, kaj multaj aliaj, por proponi la sekvantan rimedon.

Li opinias, ke oni devus sufiĉe pliigi la pezon de la ora dolaro, por redoni al ĝi ĝian perditan valoron de aĉeto. Unuvorte la kosto de la dolaro monigita, ŝanĝiĝus proporcie je la kosto de la ora metalo. Monero de dek dolaroj pezanta 258 granojn valorus kelkafoje 270 aŭ 280 granojn. Kiam la neefektiva dolaro valorus 30 granojn la ora dolaro iufoje nur valorus 28,8. La diferencon inter tiuj du valoroj 1,2 g. provizus la Registaroj kiel garantian fundon, kaj por malhelpi la spekulacion pri la ora metalo, ĉiu aĉeto, ĉiu vendo estus proporcie impostita tiel, ke la imposto superus la spekulacian profiton sur la reala valoro de la doloro, kaj oni konsentus ke nenia sanĝo por la prezo de la dolaro difinita de la Registaro, ĉiutrimestre, povus superi la tutecon de tiu imposto.

La tempo alproksimiĝas, kiam ĉiuj negociistoj de la tuta mondo komprenos la utilecon de pli starema unueco de la valoro. Jam pli kaj pli ili ŝatas la neceson de scienca difino de la unuoj pri la tempo, longeco, surfaco, forteco, elektro, k. t. p., kaj la registaroj fondis oficejon por fiksi kiel eble plej ĝuste la difinojn de ĉiuj unuoj.

Strange estas ja, ke la dolaro, plej necesa kaj plej universala unuo uzita de la homoj, estas esence ŝanĝema. Estus dezirinde, ke ni posedu dolaron ne ŝanĝeblan ne nur pri la pezo sed ankaŭ pri la valoro de aĉeto.

Se ni ne povas esperi, ke internacia Konferenco donos al ni tiun rezultaton tutprofitan, ni almenaŭ povas antaŭkulkuli, ke ĝi skizos la ĉefajn punktojn de tiu reformo por la estonteco. La difino de valoro de la dolaro ne solvos plene la problemon pri la kareco de la Vivo sed ne kontraŭdireble ĝi faciligos grandproporcie la solvon de la demando.

Se oni pripensas la vastegan amplekson de la problemo, ĝian gravecon por centoj de milionoj da homaj estaĵoj, se oni pripensas ĝian mondan intereson kaj memoras la malbonsignajn antaŭdirojn de multaj specialistoj, ke la altiĝo de la prezoj estas daŭronta, ni prave certigas, ke la fakto helpi al la iniciativo por starigi la proponitan komisionon estas inda je la noblaj klopodoj de ĉiuj civitanoj, kiuj sur la terglobo sin priokupas pri la publika profito.

## Informoj.

**Deka Internacia Virina Kongreso.** — Tiu kongreso okazis en Paris (2-8 de junio). Multaj interesaj demandoj estas studitaj; tuberkulozo, alkoholismo, laboro de infanoj, de virinoj, virina voĉdonado, k. t. p. La

4 de Junio, en la faka kunveno de « Helpado kaj Socia antaŭzorgo » kies prezidantino estis S^ino^ E. Weill (prezidantino de la bonfarada Societo « Société Amicale de la Bienfaisance »), Esperanto estis prezentita de S^ino^ Dion Trouillon; kvankam ŝi havis nur dek minutojn por paroli, ŝi klarigis, kio estas nia lingvo, kia ĝia celo, kaj kian helpon ĝi alportas al tiuj, kiuj ĝin uzas praktike.

Kiam S^ino^ Diou-Truoillon finis per kelkaj frazoj en Esperanto, svingante sian verdan stelon, ĝenerala aplaŭdado pruvis, kiom interesiĝis la aŭdintaro. Tio neniel mirigos nin, ĉar jam de longe estas konita la elokventeco de la paroladintino.

Ni estas tiom pli dankemaj al S^ino^ Trouillon, ke ŝi havas jam multe da esperantista laboro; certe ĉiuj niaj legantoj konas la Teozafian Bulteneton, kies fondintino ŝi estas.

Post tiu sukcesa paroladeto, kelkaj nekonitaj esperantistoj, el kiuj unu anglino, anoncis laŭte, ke ili estas esperantistoj; kaj efektive ili parolis nian lingvon.

Kial ili tiom timis konfesi sian ideon; ĉu ili opinias, ke ĝi devas vivi interne? Estus dezirinde, ke ĉiufoje kiam Esperantistoj iras al ia ajn kongreso, ili aldonu al sia nomo la vorton : Esperantisto; ke ankaŭ ili sciigu la Centran Oficejon aŭ la Delegiton de U. E. A. en la urbo, kien ili iras, pri sia veno. Tio estus agrabla, tiel por la akceptoto, kiel por la akceptontoj, helpus la propagandon, kaj precipe la propagandistojn, kies laboro estus multe pli facila.

**Sesa internacia Kongreso pri la progresema kristanismo kaj la liberkredantoj.** — Tiu Kongreso okazis en Parizo (16-21 Julio 1913). La antaŭaj kongresoj okazis en Londono, Amsterdam, Genève, Bostono kaj Berlino. Prezidis S^o^ Emile Boutroux, franca Akademiano; le vicprezidantoj estis S^oj^ pastro Charles Wagner, profesoro Gaston Bonet-Maury kaj Jules Siegfried, eks-ministro.

La malfermo de la Kongreso estas dediĉita al komunikaĵoj pri la religia progresado de la ĉefaj kultoj en la mondo. Multaj gravaj demandoj religiaj kaj filozofiaj kuŝis sur la tagordo.

*Internacia sekretariejo* : S^ro^ Ch.-W. Wendte, D. D., 25, Beacon street, Boston (Mass.), U. S. A.

*Ĝenerala sekretariejo* : S^ro^ P^ro^ John Viénot, 83, rue Denfert Rochereau, Paris.

**Dudek-kvara internacia Kongreso de la Ministoj.** — Tiu kongreso okazis en Karlsbad (Bohemujo) de la 21 ĝis la 25 de Julio 1913.

La tre interesoj demandoj studitaj traktis ĉiuj pri la utilo de la minlaboristoj.

La rajtigitaj delegitoj al la Kongreso devis esti ministoj aŭ direktantoj de laboristaj organizaĵoj; ili devis havigi al si akceptkarton. La disdono de tiuj kartoj kaj de la programoj estis farita de la sekretario, S^ro^ Thomas Ashton, Manchester, Anglujo.

**Sepa internacia Kongreso de la metalurgiaj laboristoj.** — Tiu kongreso okazos la 6 kaj 8 de Aŭgusto, en Berlino. La tagordo estas la sekvanta :

1^e^ Raporto de la sekretario;

2e Diskuto pri tiu raporto;

3e Starigo de reciprokaj rilatoj inter la organizaĵoj de la diversaj landoj;

4e Raportoj regule sendotaj al la internacia sekretariejo;

5e Baloto de la sekretario;

6e Diversaj demandoj.

La demandoj eventuale diskutotaj en la Kongreso estas sendotaj al la Sekretario de la Federacio.

*Sekretariejo* : So Alexandre Shlicke, Rœtestrasse, 16, Stuttgart.

**Deka internacia Kongreso pri la malkaraj loĝejoj.** — Tiu kongreso kunvenos en la Kursaal de Scheveningue de la 8 de Septembro 1913. La holanda Registaro kaj la Magistrato de la Hago oficiale invitis la Registarojn. La Kongreso estas patronita de lia princa Moŝto Henriko de Nederlando. La tagordo estas jene difinita :

1e Plibonigo de la kamparaj loĝejoj.

2e Plibonigo kaj disfaligo de malsanigaj loĝejoj.

3e Superplenaj loĝejoj.

4e Leĝa regularigo de la plivastigo de la urboj.

5e Rezultatoj ricevitaj pri la loĝejoj dum la lastaj jaroj.

La Kongresanoj konatiĝos kun la pliboniĝoj realigitaj en Holando, per ekskursoj kaj per ekspozicio.

La kotizaĵo por la anoj estas 21 frankoj, por la sinjorinoj de la familio akompanantaj la kongresanojn 11 frankoj.

*Ĝenerala sekretario* : So H. J. Nieboer, Van den Eydenstraat 2, La Hago.

**Kvara internacia Kongreso de lerneja higieno.** — Tiu kongreso okazos en Buffalo (25-30 Aŭgusto 1913). So Woodrow Wilson akceptis la honoran prezidantecon. La Prezidanto estas So Eliot, eks-prezidanto de la Universitato de Harvard; Vicprezidantoj : Soj William H. Welch, profesoro de patologio ĉe la Universitato; John Hopkins, Henry P. Wallcott, prezidanto de la lasta internacia kongreso pri Higieno kaj demografio kaj de la *State board of Health* de Massachusetts.

La kotizaĵo por la anoj estas 25 frankoj.

*Sekretariejo* : So Thomas A. Storey, College of the City of New York, New-York City.

**Unua internacia kongreso por la flegado de la militaj vunditoj.** — *Gento*, 25-30 Aŭgusto 1913, Kotizo : fr. 20; sekretario-kasisto : So A. de Meyer, rue du Jardin, 14, *Antverpeno.*

Inter la studotaj demandoj : 5a *Demando*, Helpo internacia de la Societoj de Ruĝa-Kruco. Ni tre atentas niajn legantojn pri tiu grava kongreso, des pli, ke So A. de Meyer, la sekretario-kasisto, estas tre favora al Esperanto. Oni memoras, ke estas li, kiu en 1911 organizis la manovrojn de la Ruĝa-Kruco en Antverpeno dum la Sepa Kongreso de Esperanto.

Daniel Eyquem
*Redaktoro de I. S. E. J.*

---

*Le Gérant* : M. Baeurlé.

Coulommiers. — Imprimerie Paul BRODARD

# IX. Kongreso Esperantista

en BERNO (24-31 Aŭgusto 1913).

## LASTA CIRKULERO

**Pri la vendejo kaj ekspozicio.** — En la Kazino (Kongresdomo), oni rezervis du ĉambrojn por la ekspozicio. Tiuj lokoj estos tre oportunaj; ĉar ili estas en la sama domo kaj sama etaĝo, kie okazos la ĝeneralaj kunsidoj kaj la vesperaj festoj; tiamaniere oni esperas, ke la vendejo kaj ekspozicio estos pli vizitataj ol en aliaj kongresoj, kaj ke la vendistoj havos pli grandan certecon retrovi siajn elspezojn kaj eĉ fari profitojn.

Tiucele, la Organiza Komitato speciale zorgos, por ke perfekta ordo regu en la vendejo kaj ekspozicio. En ĉiu ĉambro estos konstante unu gardisto, kiu atentos, ke oni ne tuŝu la objektojn ekspozitajn. Dum la nokto kaj dum la manĝoj la ĉambroj estos ŝlositaj. Ni do esperas, ke multaj Esperantistoj sin anoncos, kiel ekspozontoj aŭ vendontoj; ĉar ili povas esti certaj, ke oni bone zorgos pri la vendotaĵoj.

Kompense ni petas tiujn, kiuj deziras ekspozi aŭ vendi, ke ili sin konformu al la jenaj instrukcioj : 1e ili sin anoncu kiel eble plej frue al *Sro de Saussure*, 27, *Lombachweg*, *Bern*, ĉar ni ne povas garantii lokon al la malfruiĝintoj; 2e ili sendu la vendotaĵojn aŭ ekspozaĵojn per kestoj bone pakitaj kaj adresitaj : *Kongreso de Esperanto*, *Vendejo* (aŭ *Ekspozicio*), *Kazino*, *Bern*; 3e ili ne forgesu skribi sur la kestoj la nomon de la sendinto, por ke ĉiu kesto estu facile retrovata de sia posedanto; 4e ili sciigu al Sro de Saussure la nombron kaj aspekton de la senditaĵoj kaj la daton de la sendado.

Dum la kongreso ĉiu vendisto aŭ ekspozanto devas zorgi mem pri siaj komercaĵoj. Tabloj (0,60 × 1,00 m.) estos lueblaj po 4 Sm. por la tuta semajno; sed la nombro de la tabloj estos limigita; la luprezon sendu, antaŭ la 1 Aŭgusto, kun la aliĝo, al Sro de Saussure.

**Pri la aliĝoj al la kongreso.** — Oni rapidu sendi sian aliĝilon (6 Sm.) antaŭ la 15 de Julio. Post tiu dato la loĝejo ne estos garantiita, kaj la nomo de la aliĝinto ne aperos en la kongresa libro. Kongresanoj, kiuj jam havas sian provizoran membrokarton kaj poste sendos monon por loĝejo aŭ petos informojn k. t. p., *ĉiufoje aldonu la ciferon de sia karto*.

**Pri la balo en naciaj vestoj.** — La Esperantistoj, kaj precipe Esperantistinoj, estas insiste petataj alporti *naciajn* (ne karnavalajn) vestojn por la granda balo, kiu estos verŝajne la ĉefa vesperfesto de la Kongreso.

**Pri la fak-kunsidoj.** — La Organiza Komitato starigas nun la *definitivan* programon de la Kongreso. Post la 1 de Aŭgusto tiu programo fariĝos *netuŝebla*. Do, la fak-societoj, specialistaj societoj, k. t. p., kiuj deziras okupi lokon sur la oficiala programo, devas tuj sciigi al Sro de Saussure (27, Lombachweg, Bern) pri la nombro de horoj, kiujn ili deziras rezervi al sia societo.

**Konkurso.** — Ĉar la mallonga tempo de la organizado de la Naŭa ne sufiĉis por aranĝi bonan literaturan konkurson, ni trovis alian solvon. Ni havos *konkurson de paroladantoj*, kiu okazos dum la Kongreso. Konkursontoj, kiuj aliĝas antaŭ la 1 de Aŭgusto, ricevos la kondiĉojn de tiu konkurso.

**Flagoj.** — Organiza Komitato zorgos laŭeble por la ornamo de la urbo; sed la ornamo estos pli efika, se la kongresanoj alportos naciajn kaj esperantajn flagetojn elpendotajn ĉe la fenestroj de siaj loĝejoj. Ni do insiste petas, ke oni helpu tiucele al la plibeligo kaj la propagando.

**La kongreslibro** baldaŭ aperos kaj estos tre bona helpilo por ĉiu kongresano. Ĝi entenos la oficialan programon, la fotografaĵon de la Komitato, gvidlibron por Berno kaj la cetera Svislando, specialajn artikolojn pri artaj bernaj fontanoj, pri Ruĝa Kruco en la svisa armeo, k. t. p.; krom tio ni presigos en ĝi la liston de ĉiuj kongresanoj sendintaj sian kotizon antaŭ la 15 Julio.

**Kongresmarkoj.** — La unua eldono estas elĉerpita, kaj ni presigis novan; 100 pecoj kostas 0.40 Sm. Revendistoj ricevas rabaton. *Kongreskartojn* ni vendas 0,40 Sm. po dek pecoj.

**Korespondado.** — Mono estu sendata al la Kantonalbank en Bern. Ĉiun leteron adresu al la Universala Kongreso de Esperanto en Bern. Ne forgesu aldoni la kongresnumeron, se vi tian jam havas, kaj bone priskribas vian naciecon.

LA ORGANIZA KOMITATO.

---

# VIII$^a$ Germana Esperanto-Kongreso

**Antaŭkongreso de la Naŭa** (21-22 Aŭgusto 1913).

---

Venu Stuttgart'on! Dum kaj post la 8$^a$ Germana Esperanto-Kongreso ni aranĝos en **Stuttgart** antaŭkongreson de la Naŭa. Stuttgart estas fame konata pro ĝia bela situacio meze en valo ĉirkaŭita de ĝardenoj, vinberejoj kaj arbaroj. Belaj konstruaĵoj kaj muzeoj, kaj precipe la granda arteksposicio dum somero 1913 faras vizitinda nian urbon. La vagonaroj al Stuttgart estas bonaj kaj rapidaj el ĉiu direkto. La vojo preter Stuttgart estas la plej malkara por ĉiuj samideanoj venantaj el la nordo kaj mezo de Germanujo, el Danujo, Norvegujo, Svedujo, Rusujo, Polujo, precipe ĉar la vojaĝo de Stuttgart al Bern'o estos je rabatita prezo (v. sube). Sed ankaŭ la samideanojn el Anglujo, Holando, Belgujo k. p. t. ni invitas ĉar la vojaĝo estas pli bela preter Stuttgart kaj nur malmulte pli kosta.

**Loĝado** en hotelo aŭ privata domo (oni baldaŭ mendu, sed ne sendu la monon, ĉar ni nur peras la logejon!): Unu nokto kun matenmanĝo kostas en I$^a$ klaso, pli-ol 2,250 Sm.; II$^a$ klaso 1,500-2,250 Sm.; III$^a$ klaso 1,000-1,500 Sm.

La Programo de la kongreso estas tre enhavoriĉa. Ĵaŭdon la 21 de Aŭgusto gvidado tra la novaj kaj belaj reĝaj teatroj; vespere teatra prezentado. Vendredon la 22 okazos kelkaj ekskursoj, gvidado tra la urbo, vizito de la artekspozicio kaj vespere *amuza kunveno*, ktp. Sabaton la 23 komuna vojaĝo al Bern'o je rabatita prezo (jam nun mendu kaj pagu!) : por 2a klaso 9,600 Sm. (anstataŭ 11,400); por 3a klaso 6,350 Sm. (anstataŭ 7,700). Forveturo de Stuttgart 8,03 matene; duhora restado en Zürich; alveno en Bern je 6,00 vespere.

La aliĝo estas senpaga; sed oni devas *antaŭmendi* loĝadon kaj *antaŭpagi* la vojaĝon al Bern'o. La adreso de nia Komitato, kie oni ankaŭ sciiĝas pri ĉio pli detale pri la kongreso, estas : **Esperanto-Kongreso**, **Stuttgart**, **Neue Weinsteige 61**.

---

# Dua Tutruslanda Kongreso Esperantista

(**KIEV**, 17-19 de Aŭgusto 1913.)

Karaj Samideanoj,

La antaŭnelonge projektita IIa Tutruslanda Kongreso Esperantista estas jam efektivaĵo. Ministro de Internaj Aferoj permesis ĝin kaj oficialigis jenan laborprogramon :

1. Ĝenerala propagando.
2. Instruado de Esperanto en ŝtataj lernejoj.
3. Esperanta librovendado kaj libreldonado.
4. Organizo de ruslandaj esperantistaj institucioj.
5. Organizo de ruslandaj kongresoj.

Diskutado kaj raportoj estas permesitaj en lingvoj rusa kaj esperanta. Konspektojn de legotaj raportoj oni povos prezenti ĝis la 2 de Aŭgusto en ambaŭ lingvoj aparte.

Programo de amuza parto konsistas el :

1. Vespera propaganda vizito al Tutrusa Ekspozicio.
2. Dua vizito al Ekspozicio (tage).
3. Du ekskursoj tra la urbo. Ili okazos laŭ kontrolita plano triamaniere, ke la kongresanoj konatiĝos kun ĉiuj rimarkindaĵoj, posedantaj historian, artan aŭ naturbelan intereson, neniom laciĝante.
4. Ŝippromenado sur Dnjepr.
5. Simfonia koncerto en Negocista Ĝardeno. Ravanta panoramo de la rivero, iluminita urbo kaj haveno. Ges-roj Privat, Parrish, Pitlik, k. a. vojaĝantoj admiris tiun pitoreskan vidaĵon.

Respondante al demandoj kaj esperante pri multopa alveno de samideanoj la Organiza Komitato komunikas jenon :

**Alveno.** — Preferinde estas veni la 16 ĉar la malferma kunsido okazos la 17 matene. De stacio ĝis hotelo droŝko : 50 kop., ĉiu pakaĵo

10 kop. pli. Tramo 5 kop.; linio n° 2 iras rekte ĝis hotelo. Manporteblaj pakaĵoj estas permesataj sur antaŭa platformo.

**Loĝado** en hotelo « Kane » (Esperantia entrepreno) de 90 kop. tage. Laŭvole plena pensiono.

**Manĝado** kunvianda laŭ diversaj prezoj. Tagmanĝo de 25 kop. vegetara: matenmanĝo 15-20 kop. tagm. 25-35 kop.

**Kartoj** provizoraj estas sendataj tuj post ricevo de kotizo (Rb 3. 00) ĉe kasisto, Dumskaja pl. magazin Okladĉik, Jakov Borodkin.

**Familianoj** de kongresanoj povas pagi nenion sed ricevos nek balotvoĉon nek raporton.

La Organiza Komitato ĝojas danki Doktoron L. L. Lamenhof kaj multajn samideanojn, esprimintajn aprobon al la iniciato, ĝi dankas tiujn, kiuj enskribiĝis kaj alsendis raportojn, ĝi dankas la finnajn Esperantistojn, kiuj promesis veni kiel gastoj kaj esperas, ke same venos la polaj kaj eksterlandaj.

Venu samideanoj. Bono de ruslanda esperantismo de vi dependas. Venu Kiev'on, la Verda Urbo vin inde akceptos.

*Sekretarioj-organizantoj :*

G. Jaĵgunoviĉ. — M. Kiperman (Kuznecnaja, 69).
V. Traĉeosky (B. Pechvalnaja, 25).

# INFORMEJO DE ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★
# ★ ★ INTERNACIAJ SOCIETOJ

## Societo de Esperantistaj Juristoj

Societa Sidejo : 51, rue de Clichy, Paris.
Jara kotizo: Sm. 1. Por ĉiuj informoj sin turni al S[ro] Degon, Ĝenerala Sekretario, 17, rue Saint-Eloi, Douai (Francujo).

---

### OFICIALAJ INFORMOJ

**Generala Kunveno.** — Nia Ĝenerala Kunveno okazos dum la kongreso en Bern verŝajne :

Aŭguston 27 (merkredon) de la 5ª ĝis la 6ª,
Aŭguston 30 (sabaton) de la 8ª 1/2 ĝis la 10ª

en la Universitato.

La oficialaj informiloj montros la precizajn datojn.

**Novaj anoj.** — Francujo : S[ro] TURQUET, *notario*, 9, rue Souchy-Servinière, *Laval* (Mayenne).

Italujo : D[ro] MASI UBALDO, *notario*, *Bologna*.

**Insignoj.** — La ĝenerala sekretario ricevis la oficialan modelon, kiun la komisiono proponos al la Ĝenerala Kunveno.

---

### Internacia konvencio koncernanta la bataladon kontraŭ virinkomerco

(*Sekvo*).

Art. 11. — Se iu kontraktanta ŝtato deziras enpoviĝon de ĉi tiu konvencio en unu aŭ en pli ol unu el siaj kolonioj aŭ posedaĵoj aŭ en unu aŭ en pli ol unu el siaj distriktoj de la konsulaj juĝejoj, ĝi devas sciigi sian intencon per la dokumento, kiu estos ekdeponata en la arĥivo de l'Registaro de la Franca Respubliko. Tiu ĉi sendos ĝian aŭtentikigitan kopion al ĉiu el la kontraktantaj ŝtatoj per diplomatia vojo kun samtempa sciigo pri la tago de la ekdepono.

Por tiuj ĉi kolonioj, posedaĵoj aŭ distriktoj de la konsulaj juĝejoj devas en la dokumento enhavanta tiun ĉi sciigon esti komunikita pri leĝoj, kiuj estas eldonitaj tie koncerne la objekton de ĉi tiu konvencio. La leĝoj, kiuj tie poste estos eldonitaj, devas esti ankaŭ komunikitaj al la kontraktantaj ŝtatoj laŭ la 4ª artikolo.

Ses monatojn post la tago de ekdepono de tiu ĉi la sciigon enhavanta dokumento enpoviĝas la konvencio en eldiritaj en la sciigo kolonioj, posedaĵoj aŭ distriktoj de la konsulaj juĝejoj.

La deziron stariganta stato sciigos per komuniko al ĉiu el la aliaj kontraktantaj statoj tiun ĉi aŭ tiujn ĉi modojn de petskriba transsendo,

kiujn ĝi allasas por la petskriboj al la kolonioj, posedaĵoj aŭ distriktoj de la konsulaj juĝejoj, kiuj formis objekton de la en 1ª alineo de ĉi tiu artikolo antaŭvidita sciigo.

La deiĝo de la konvencio de iu el kontraktantaj ŝtatoj pro unu aŭ pli ol unu el ĝiaj kolonioj aŭ posedaĵoj aŭ pro unu aŭ pli ol unu el ĝiaj distriktoj de la konsulaj juĝejoj devas esti efektivigita per tiuj formoj kaj sub tiuj kondiĉoj, kiuj estas deciditaj en la 1ª alineo de ĉi tiu artikolo. Ĝi valoros dek-du monatojn post la tago, je kiu estas la deiĝa dokumento ekdeponita en arĥivo de l'Registaro de la Franca Respubliko.

La aliĝo al la konvencio de ia kontraktanta ŝtato pro unu aŭ pli ol unu el ĝiaj kolonioj aŭ posedaĵoj aŭ pro unu aŭ pli ol unu el ĝiaj distriktoj de la konsulaj juĝejoj enhavas plenrajte kaj sen ia speciala sciigo samtempan kaj tutplenan aliĝon al la interkonsento de la 18 de Majo 1904. Tiu ĉi interkonsento enpoviĝas tie la saman tagon kiel la konvencio mem, sed la deiĝo de la konvencio de la kontraktanta ŝtato pro unu aŭ pli ol unu el ĝiaj kolonioj aŭ posedaĵoj aŭ pro unu aŭ pli ol unu el ĝiaj distriktoj de la konsulaj juĝejoj ne enhavas plenrajte la samtempan deiĝon de la interkonsento de la 18 de Majo 1904, nur se, ke tio ĉi estas eldirita difinite en la dokumento enhavanta la deiĝon; alie valoras la deklaracioj, kiujn faris la interkonsenton de la 18 de Majo 1904, subskribantaj Potencregnoj koncerne la aliĝon de iliaj kolonioj al la interkonsento.

De la tago de enpoviĝo de ĉi tiu konvencio, devas tamen efektiviĝi konforme al disponoj de ĉi tiu artikolo la al la interkonsento donitaj aliĝoj aŭ deiĝoj koncernantaj la koloniojn, posedaĵojn aŭ distriktojn de la konsulaj juĝejoj.

Art. 12. — Tiu ĉi konvencio, kiu havos daton de la 18 de Majo 1910, povas esti subskribita ĝis la 31 de Julio de l' k. j. en Paris de la rajtigitoj de Potencregnoj reprezentitaj ĉe la dua konferenco por kontraŭbatali la virinkomercon.

Okazis en Paris la 4 de Majo 1910 en unika ekzemplero, kies aŭtentikigita samenhava kopio estos sendata al ĉiu el la subskribantaj Potencregnoj.

Subskriboj : por Germanujo. — Albrecht Lentze, Curt Joël.
Aŭstrio kaj Hungarujo. A. Nemes.
Aŭstrio. — J. Eichhoff.
Hungarujo. — G. Lers.
Belgujo. — Jules Jeleune, Isidore Maus.
Brazilio. — J. C. de Souza Bandeira.
Danujo. — C. T. Cold.
Hispanujo. — Octavio Cuartero.
Francujo. — R. Bérenger.
Granda Britujo. — Francis Bertie.
Italujo. — J. C. Buzzatti, Gerolamo Calvi.
Nederlando. — A. de Stuers, Bethaan Macare.
Portugalujo. — Grafo de Souza Roza.
Rusujo. — Aleksis de Bellegarde, Wladimir Déruginsky.
Svedujo. — F. de Klercker.

(*Daŭrigota.*) HIERONIM DE WIERZCHOWSKI,
*Imp.-Reĝa Senatano, Prezidanto de I. S. E. J.*

# FELIETONO

### El Anglujo

**Eho el la angla-francaj festoj.** — Dum la ĉeesto de la franca ŝiparo en *Spithead*, apud Portsmouth, okaze de la vojaĝo de la prezidanto de la Franca Respubliko en Anglujo, areto da francaj maristoj el « La Marseillaise », unu oficiro : ŝipleŭtenanto Ch. Fahrner, kaj 6 suboficiroj, akceptis afablan inviton de la Esperantista grupo de Portsmouth kaj ĝin vizitis.

Dum tiu vizito, simpla kaj kora, kelkaj paroladoj en Esperanto estis faritaj. La prezidanto de la Portsmouth'a grupo diris al la francaj maristoj afablajn parolojn pro ilia alveno kaj komisiis ilin transsaluti la Brest'ajn Esperantistojn je la nomo de la Portsmouth'anoj. La franca oficiro varme dankis lin kaj montris la gravecon de la jena renkontiĝo, kie Francoj kaj Angloj interkompreniĝas senpene dank' al Esperanto.

Krom kelkaj apartaj personoj, kiuj havis la tempon lerni la du lingvojn, la personoj de tiuj du nacioj efektive povas nur interfratiĝi tre malfacile kaj malplene, kiel — oni povas diri — surdamutuloj, dum dank' al Esperanto, la interfratiĝado inter Francoj kaj Angloj fariĝas plena, kaj la privataj rilatoj inter la nacianoj de tiuj du landoj multe gajnos.

La festo daŭriĝis kaj estis kantataj « La Espero », kaj « La Marsejezo », kaj amuzigaj kantetoj. La francaj Esperantistoj kun la anglaj promenis poste en la stratoj, grupitaj en aretoj, babilante gaje, ĝis la pordo de la armilejo, kie okazis le disiĝo.

La sukceso de tiu renkontiĝo estas ĉefe ŝuldata al nia fervora samideano S^ro L. W. Wright de la Brita Maristaro, kiu korespondadis kun leŭtenanto Fahrner por tiu aranĝo. Rimarkinde estas ankoraŭ, ke la tempo de la francaj maristoj estis tre okupita pro la oficialaj festoj inter ambaŭ ŝiparoj, kaj nur malmultaj Francaj maristoj estis permesataj alteriĝi tute libere. Tial estis nur kun leŭtenanto Fahrner 6 esperantistaj maristoj, sed ili estas 27 sur la krozŝipo « La Marseillaise », lernantaj Esperanton fervore kaj vigle. Il estis komencintaj la lernadon le 15 de Junio kaj nur 10 tagoj poste ili kunbabiladis kun la Portsmouth'aj Esperantistoj. — Mirinda rezultato. Leŭtenanto Fahrner daŭrigas la instradon.

### El Australio

Nia fervora samideano J. H. Cadell, hon. sek. de la « Brisbana Esperanta Klubo » en Queensland, ĵus sciigis al ni, ke la regnestraro de la ŝtato estas tre amiko al Esperanto, kaj ke la « Queensland government Intelligence and Tourist Bureau » eldonis belegan serion de ilustritaj esperantaj propagandaj poŝtkartoj por disdoni senpage. (Ni ricevis tiun serion, kaj certigas mem, ke ili estas tre interesaj kaj donas favoran ideon pri la lando). Tio estas — li diras — la unua oficiala sukceso de Esperanto en Queensland. Ni gratulu niajn Queenslandajn samideanojn, kaj la « Turist Bureau ». Oni legu en malkaraj anoncetoj informon pri tiuj poŝtkartoj.

**El Bohemujo**

Dum somera libertempo aranĝos en lernejo la Esperantista Klubo de Kladno ekspozicion, kiun partoprenos Esperantistoj de multaj landoj. Laŭ la materialo por la ekspozicio jam ricevita oni povas juĝi je la plej bona sukceso por la esperanta propagando, ĉar ĉio preskaŭ konsistas el esperantaĵoj.

La ekspozicio daŭros de la 15 ĝis la 25 de Aŭgusto, sed ĝi povas eĉ pli longe daŭri, se ĝia intereso certigos la pli longan vizitadon de la publiko; ĝi estas dividota en jenaj fakoj :

1. Propaganda : esperantaĵoj por divastigo de Esperanto, lernolibroj.

2. Instrua : ĉiuklasaj instruiloj, montriloj de l' progreso, nacilegolibroj.

3. Komerca kaj industria : kion oni fabrikas, kulturas, produktas aŭ por komisio transportas, kaj vendasaŭ proponas, oni ekspozicios! Artistoj, turistoj, sciencistoj, laboristoj povas esti reprezentataj.

Por efektivigi tiun ĉi programon la komitato petas, ke oni sendu kiel plej eble baldaŭ objektojn, eldonitajn de grupo, firmo aŭ regiono; ekzemple : librojn broŝurojn, gazetojn, katalogojn, prospektojn, afiŝojn, grupajn regularojn, membro kaj kongreskartojn, programojn, glumarkojn, k. a., fotografoĵojn, komercaĵojn kun esperantaj insignoj, popollaborojn, mineralkolektojn, monerojn, kaj aliajn objektojn.

La pruntitajn objektojn oni resendos afrankite al la sendintoj tuj post la fermo de la ekspozicio, oni skribu sur ilin la vorton — Prunte — kaj la nomon de la posedanto. La donacitaj objektoj restos kiel propraĵo de la Esperantista Klubo, kiu ilin konservos kiel migran ekspozicion.

Oni direktu la sendaĵojn je adreso : Rudolf Nový, delegito de U.E.A., Kladno, 445, Bohemio.

**El Ĉilujo**

Port la grava venko de nia lingvo dum la Oka Scienca Kongreso de Ĉilujo en *Temuko*; kiun ni ricevis dank' al la klopodoj : ĉefe de nia samideano Pedro Nagel, kaj de S^roj Koĥano, Alonso, D^ro Fraga, kaj pri kiu ni parolis en nia junia numero, la « Ĉila Esperantista Asocio » kunvenis la 10 de Aprilo kaj voĉdonis dankajn gratulojn por niaj amikoj.

Nun, dank' al tiu sukceso, nia lingvo ricevis grandan antaŭenpuŝon.

Ĵus fondiĝis grava « Centro Esperantanta » en *Antofagasta*, en kiu partoprenas la plej honorindaj kaj la plej eminentaj personoj de la urbo. Sekretario estas S^ro G. Salas Bórguez.

**El Estonujo**

La unua vizito de estonaj Esperantistoj al *Helsingforso* do nunjare efektiviĝis. Jam en la jaro 1908 « Revala Esperanta Grupo » decidis aranĝi ekskurson al Finnlando, sed aperis neatenditaj malhelpoj. De tiu tempo ni ĉiujare pensis, ke en estonta somero ni certe efektivigos la planon, sed ĉiam io malhelpis.

La 15 de Junio je la 4^a matene albordiĝis en Helsingforsa haveno du ŝipoj kun kelkcent ekskursantoj el Reval, inter la aliaj 16 Esperantistoj. Malgraŭ la frua matenhoro nin atendis jam samideano S^ro Attila, kiu kondukis nin al la loĝejo.

Post la matenmanĝo ni kolektiĝis en la haveno, kie ni renkontis krom Esperantistoj eĉ unu idiston.

Finnaj samideanoj estis alveturintaj grandparte el kamparo ĉar somere, kiel ili diris, nur oficistoj estas en la urbo. Nun komenciĝis promenado en la urbo kaj vizito al vidindaj lokoj.

Inter aliaj vidindaĵoj tre rimarkinda estas la tiel nomata « Ulkomuzeo » (Subĉiela muzeo) sur Seurasaari (Societinsulo). Tie estas translokigita tuta antikva finna bieno kun ĉiuj necesaj konstruaĵoj kaj en ili uzitaj objektoj. S<sup>ro</sup> Attila montris al ni ĉiujn lokojn en tiu interesega muzeo kaj priskribis detale eĉ la plej malgrandajn objektojn kaj ilian uzadon.

En Ateneo, kie troviĝas entute 14 ĉambroj kaj ĉambregoj plenaj je pentraĵoj kaj skulptaĵoj, donis klarigojn S<sup>ro</sup> Wilho Setälä (filo de konata finna universitata prof. Emil Setälä), energia, nelacigebla juna studento. Gvidante nin en la ĉambroj, li haltis ĉe ĉiu pli grava verko priskribante ĉion, kio estis speciale rimarkinda en ĝi. Tuta la tempo, kiun ni pasigis en Ateneo, estis viva leciono pri finna arto, elokvente antaŭlegita de nia juna amiko. Krom tio li kondukis nin ankoraŭ al la skulptejo de juna finna skulptisto S<sup>ro</sup> A. Sailo, kie ni koniĝis kun skulptado kaj vidis bustojn de la ok maljunuloj, kantintaj por finna eposo « Kalevala ».

Bedaŭrinde ni ne povis viziti la histori-etnografian muzeon, ĉar ĝi ne estis ankoraŭ definitive preta.

La 17 de Junio antaŭ tagmeze ni vizitis la bestĝardenon sur Korkeazaari (alta insulo) kaj je la 4<sup>a</sup> posttagmeze ni adiaŭis Helsingfors'on.

Korajn dankojn kaj salutojn ni vokas el Estonujo al vi S<sup>roj</sup> Attila, Wilho Setälä kaj S<sup>ino</sup> Hilma Hall; salutojn al ĉiuj finnaj Esperantistoj! — J. Rosenberg.

## El Francujo

**Kongresoj**. — La kongreso de la « Federacio de la Esperantistaj Grupoj de Nordo de Francujo » havis lokon la 1 de Junio en *Douai*, sub prezido de S<sup>ro</sup> Rollet de l'Isle. Post la oficiala parto okazis la akcepto de la urbkonsilantaro, festeno, vizito al la aviadejo de La Brayelle, sub la konduko de S<sup>ro</sup> Batalionestro Merle, sukcesa koncerto kaj gaja balo.

En *Blois* havis lokon le 15 de Junio la kongreso de la « Federacio de Centro-Okcidento », kiu kalkulas 17 grupojn el 10 departementoj. Prezidis ĝin S<sup>ro</sup> Grosjean de la Esperantista Grupo de Tours.

Post kora akcepto ĉe la stacidomo, okazis granda festeno ĉe Hôtel de France, kiun sekvis dum la desertmanĝo, pacamaj kaj humanecaj paroladoj. Dum la tagmezo la delegitoj de la grupoj de Angers, Blois, Bourges, Chateaurenault, Cholet, la Flèche, Le Mans, Orléans, Poitiers, Romorantin, Saumur, Tours, diskutis administrajn kaj propagandajn demandojn.

La 22 de Junio okazis en *Bolbec* la kongreso de la Normanda Federacio. La matenon akcepto ĉe la stacidomo, legado de la protokolo de la laboroj de la Federacio dum la jaro 1912, kiu vidigas kreskon de Esperanto en Normandujo; ĉe tagmezo festeno kun cent partoprenantoj en Grand-Hôtel de Fécamp sekvata de brilaj tostoj, la posttagmezon promenado en la urbo kaj koncerto kun bela kaj miksita programo, kaj fine balo movoplena kaj gaja.

**Paroladoj**. — La 4 de Julio S<sup>ro</sup> Rektoro E. Boirac paroladis en la universitata aŭditorio antaŭ la fremdlandaj gestudentoj — venintaj per-

fektiĝi en la franca lingvo — pri la temo « Le Problème de la langue internationale » (La demando pri lingvo internacia). Parolinte longe pri la mortintaj kaj precipe pri la modernaj lingvoj, li venis je la konkludo, ke, ĉar estas tiom multe da lingvoj naciaj *la ekzisto de lingvo* internacia estas necesa. Praktike la problemo estas solvita, dank' al *Esperanto*, diris li, kaj li faris longan biografion de ĝia aŭtoro D^ro^ Zamenhof. Post kiam li priskribis la *tutan* gramatikon (kvaronhoro!), S^ro^ Boirac deklamis unue france kaj poste en Esperanto la versaĵon « Après la bataille » (Post la Batalo), kio tre efikis sur la scivoleman kaj atentan internacian aŭdantaron, al kiu li fine disdonis aron da ĉefeĉaj ŝlosiloj kaj aliajn esperantajn legaĵojn.

Tiel nia eminenta prezidanto profitas ĉiun okazon por la diskonigo de nia kara afero kaj plene meritas nian koran dankon kaj altan estimon. — I. H. K.

Tie ĉi en *Le Creusot* la 28 de Junio S^ro^ Krestanof paroladis publike pri « La Balkana Problemo » en la « Salle du Conseil municipal de l'Hôtel de Ville » sub la prezido de S^ro^ D^ro^ Rebillard, urbestro. S^ro^ inĝ. Dejean, del. U. E. A. resumis francen la paroladon.

La morgaŭan tagon — dimanĉe — la esperantista grupo organizis belan enskurson en la pitoreskaj ĉirkaŭaĵoj de Creusot — sur la kamparo, kie ĉiuj longe amuziĝis meze de la ĉarma naturo.

**El Germanujo**

En la julia numero (propaganda) de « Germana Esperantisto » (germana monata kroniko) estas legeble esperantaj koncize ofte gravaj novaĵoj el 54 germanaj urboj, 68 grupoj kaj 3 regionaj ligoj! Detalojn ni ne povas doni, sed oni povas mem konkludi dank' al tio pri la potenteco de la esperanta movado en tiu lando.

**El Hungarlando**

En Transsilvanio okazis ke, en malgranda urbeto, kie la loĝantoj estas Hungaroj, Germanoj kaj Rumanoj, en la unusola kinematografteatro de la urbo, la publiko ĉiam disputis kaj malpacis pri la lingvo de la programo kaj de la enirbiletoj. Nun la kinematografdirektoro eldonas enirbiletojn en la esperanta lingvo, kaj la publiko de la teatro estas nun kontenta kaj paca. La ideon pri tiu bonega kaj interesa pacilo donis al la fabrikejo de la teatraj biletoj, la eldonisto de la revuo « La Verda Standardo », direktoro de la « Egera Preseja Asocio », kiu jam tiel multon faris por nia ideo. — PAŬLO BALKÁNYI.

**El Italujo**

En *Genova* la propagando de Esperanto estas ĉiam vigla. D^ro^ Stromboli parolis pri Esperanto la 15 de Aprilo ĉe la Societo Respublikana, antaŭ 70 personoj. La 20 de Aprilo 30 Esperantistoj festis per gaja festeno ĉe la restoracio de Monte Allegro la trian datrevenon de la fondo de la Genova Esperanto Unuiĝo.

Le 30 de Aprilo ĉe la Popola Universitato de Genova D^ro^ Stromboli parolis antaŭ pli ol 100 personoj.

Ankaŭ ĉe la Popola Universitato de *Sestri Ponente* parolis la 18 de Aprilo D^ro^ Stromboli antaŭ 100 personoj, kaj dank' al tiu parolado estis fondita la 10 de Majo grupo esperantista en tiu urbo.

En *Bologna* finiĝis la kurso de Emilia Esperanto Asocio farita de S^ro^ Masi. 10 el la lernantoj ricevis

la diplomon, kaj la profesoro ricevis el la lernatoj artajn librojn kiel signo de dankemo.

Novaĵoj elcerpita el « Itala Esperantisto ».

**El Kaŭkazo**

La 16 de Junio en *Tiflis* okazis la XIII[a] Tutrusa Kongreso de Natursciencistoj kaj Kuracistoj, en kiu devis ĉeesti 3000 personoj.

Laŭ la iniciato de D[ro] A. Fiŝer oni decidis utiligi la kongreson por Esperanto. Esperanta ekspozicio kaj esperanta koncerto devis esti aranĝitaj, kaj generalo Andrejev, la nova prezidanto de la Kaŭkaza Societo Esperantista, devis fari raporton pri Esperanto dum la kongreso.

Ni ne havas raporton pri tiu kongreso — kiu estas anoncita en « La Ondo de Eperanto », — sed ni ne dubas, ke Esperanto havis grandan sukceson.

Generalo Andrejev jam verkis kaj presigis grandan libron en rusa lingvo pri Esperanto.

**El Rusujo**

La dimanĉon 13 de Majo, peterburgaj Esperantistoj aranĝis ekskurson en Oranienbaŭmon. Per ŝipo ili venis Kronŝtadt'on, tie estis renkontitaj de kronŝtadtaj samideanoj kaj ili kune rigardis novkonstruitan grandan Maran Ĉefpreĝejon. El Kronŝtadt ili veturis Oranienbaŭmon, kie en arbaro ili pasigis gaje la tempon. La ekskurso estis organizita de S[roj] Koliŝko kaj Drezin.

En Feodesio (Krimeo) komencas Esperanto disvasiiĝi dank' al klopodoj de nia malnovega samideano D[ro] Ostrovski, kiu nun tie loĝas. Antaŭ nelonge, D[ro] Ostrovski vizitis redaktoron de loka gazeto kaj favorigis lin por nia afero. Lia gazeto jam parolis dufoje afable pri Esperanto. La 18 de Majo, D[ro] Ostrovski faris raporton en « Feodesia Kuracista Societo » pri « Esperanto en medicino ». Rezultate okazis kunveno de kelkaj samideanoj; oni decidis fondi esperantistan societon kaj oni jam sendis petskribon al la guberniestro.

Novaĵoj eltiritaj el « La Ondo de Esperanto ».

**El Skotlando**

Dum la lastaj monatoj tre energia movado okazis en *Glasgow*. Vigla komitato, sub la estrado de S[ino] de Montoro, klopodis pri la enmeto de propagandaj artikoloj, paragrafoj pri Esperanto, k. c. en la lokajn ĵurnalojn. Oni atingis tiel multe da sukcesoj pro la fakto, ke la diversaj anoj de la komitato sendis artikolojn laŭvice al la ĵurnaloj. Pli ol 50 artikoloj aperis. Kelkaj tre gravaj ĵurnaloj akceptis artikolojn post kvar aŭ kvin provoj de la komitato. En *Edinburgh* kongreso de la Kristana Unuiĝo de Junuloj okazis. Pro manko de internacia komuna lingvo la kongreso similis aron da kongresetoj. Tamen du-tri delegitoj estis esperantistoj. Kelkaj ĉeestis la ĉiumonatan diservon, kiun oni starigis en Edinburgh antaŭ tri jaroj. Tiuj diservoj tute kondukataj per Esperanto havis fortan influon en la propagando, krom sia rekta celo. Oni konstatis, ke la unua incitilo al la starigo de la nova grupo en Hamilton estis la pago de imposto per ĉekbanka ĉeko. — A. W.

**El Usono**

La Amerika Esperantista Kompanio, eldonistoj de la revuo Amerika Esperantisto, translokiĝis ĉirkaŭ la 15 de Aprilo el Washington Ĉefurbo en *West Newton*, apud Boston (Mass.).

Oni do sendu ĉiujn abonojn, ktp. al tiu adreso. La nuna ĉefredaktoro estas S^ro^ Ernest F. Dow, la plej malnova presisto esperanta en la Nova Mondo.

Nova Rondo de la « Studenta Esperanto-Ligo » estas organizita en *Darby* (Penn.), sub nomo « Darby Esperanto Society ». Jam ĝi havas bonnombran anaron kaj promesas sukceson.

En *Boston* (Mass.), la 26 de Aprilo oni havis kongreseton okaze de la vizito de Prof. Edmond Privat el Ĝenevo, Svislando. Krom la lokaj samideanoj venis aliaj el ĉirkaŭaj urboj. Dum la posttagmezo oni ĝuis ekskurson. Vespere la Esperantistoj kunvenis por festa manĝo. S^ro^ Payson, prezidanto de la Esperantista Asocio de Nov-Anglujo prezidis kaj prezentis la honoratan gaston, Prof. Privat. Poste parolis D^ro^ Lowell, vic-prezidanto de E. A. N. A., kaj post li, Rabeno Fleischer, ne-Esperantisto, sed tre eminenta Bostonana aprobanto de nia movado, faris mallongan sed ĝuitan paroladon. Post la festo ĉiuj iris al la Publika Urbbiblioteko, kie Prof. Privat diskursis pri Esperanto al atenta kaj kontentiĝe granda aŭdantaro. Kiel pruvo de la sukceso, ni diru, ke, je la fino de la parolado, oni devis aranĝi du novajn kursojn.

En *Nov-Jork-Urbo* nova kurso estas starigita ĉe « Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj ».

El *Pittsburg* (Pa.), ŝajnas, ke ĉiam venas notindaj novaĵoj. Jen la Akademio de Sienco kaj Arto, filio de la Instituto Carnegie en Usono, ĵus starigis esperantan fakon. Ĉi tiu grava organizaĵo havis diversajn sciencajn fakojn de kelkaj naciaj lingvoj, de fotografarto, pedagogio, ktp. La Esperanta Fako aranĝos almenaŭ unu fojon ĉiumonate publikan propagandan kunvenon en la bela konstruaĵo de la Instituto. Ĝi ankaŭ eldonos presaĵojn pri Esperanto. — HERBERT M. SCOTT.

La « 1915-Klubo » de *San Francisko* kunvenis la 16 de Majo ĉe la « Ekspozicia Konstruaĵo ». Ĉeestis en tiu kunveno kelke da estroj de la « Panama-Pacifika Internacia Ekspozicia Kompanio »; S^roj^ H. B. Weaver, prezidanto de la klubo; Albert Morris, eksprezidanto de la « Oklanda Klubo »; H. B. Langille, estro de la ekspozicia komitato kaj L. H. Gorliam, delegito al Bern, parolis pri kio la Esperantistoj intencas fari por la ekspozicio: aranĝi universalan kongreson kaj grandan elmontraĵon de Esperanto, instrui gvidistojn, eldoni gvidlibron, aranĝi ekskursojn al la grandegaj arboj, k. t. p.

S^ro^ Charles A. Vogelsang, komisario de fremdaj organizadoj, kaj S^ro^ Cowell parolis por la ekspozicio promesante nin ĉiel helpi.

La « 1915-Klubo » kreskas, kaj multaj Esperantistoj en la tuta ŝtato de Kalifornio estas sendantaj sian nomon por aniĝo.

S^ro^ John Alwyn Bakel organizas klubon en *Berkelejo*. — L. H. G.

THEODOR WREDE jr, prezidanto de komercista Esperanto Grupo Bremeno (Germ.), intencas aranĝi propagandekspozicion de p. kj. i. kaj esperantaĵoj ĉiuspecaj, kaj estus dankema al ĉiu samideano tutmonda, kiu sendus al li ĉu p. k. i., aŭ esperantaĵon.

S^ro^ GUICHARD, rue St-Roch, 55, en *St-Etienne* (Loire), Francujo, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun ĉiulandaj samideanoj. La poŝtmarkon oni algluu sur la vidaĵan flankon.

S^ro^ LÉON GIRARD, 68, rue Carnot, *aux Aydes* (Loiret), Francujo, deziras interŝanĝi poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn kun tutmondo (Francujo escepte). Ĉiam respondos.

S^ro^ PIERRE MUFFANG, studento, 14 *bis*, avenue Galois, *Bourg-la-Reine* (Seine), Francujo, deziras korespondi.

R. YVE. — *St-Etienne-du-Rouvray*, apud Rouen (Seine-Inférieure), Francujo, deziras interŝanĝi poŝtkartojn (nur kolorigitaj) kun la poŝtmarko sur la vidaĵo kun francaj kaj alilandaj geesperantistoj. Ĉiam tuj respondos.

THE QUEENSLAND GOVERNMENT INTELLIGENCE AND TOURIST BUREAU, *Brisbane* (Queensland), Aŭstralia, plezure donas ĉiajn informojn pri tiu lando. Skribu angle, germane aŭ Esperante. La « Bureau » ĵus eldonis poŝtkartojn surhavantajn vidaĵojn de Queensland, kaj statiskajn informojn presigitaj je Esperanto. Oni sendos ilin senpage al petantoj.

S^ino^ SOFIO KOZLOVSKA, Sofronjevskaja strato, 16, *Umanj*, gubernio de Kiev (Rusujo), korespondas esperante, ukraine, pole, ruse, france, germane, interŝanĝas poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn.

S^ro^ L. LVOV, *Ufa* (Ruslando), Telegrafnaja, 68, deziras korespondi kun ĉiulandaj gesamideanoj P. I., L... Respondas ĉiam tuj.

*La Redakcio de La Revuo ne estas responda pri la eraroj, kiam la teksto de la anoncoj ne estas sufiĉe legebla.*



Coulommiers. — Imp. PAUL BRODARD.

Coulommiers. — Imp. PAUL BRODARD.

# KOLEKTO DE " LA REVUO "

## INSTRUA FAKO

*Internaciaj verkoj*

**Esperanta Sintakso**, laŭ verkoj de D^r ZAMENHOF kaj aliaj aŭtoroj, en Esperanto, verkita de PAUL FRUICTIER.
Unu volumo in-16, 75-paĝa. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Fr. 1 50

**Frazaro**, (pli ol 1800 frazoj en Esperanto), de H. DE COPPET.
Unu volumo in-16, 108-paĝa. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1 »

**Konkordanco de la vortoj de Ekzercaro**. Ellaboris ALFRED E. WACKRILL.
Unu volumo in-16, 95-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1 »

**Du mil novaj vortoj**, uzitaj de D^ro ZAMENHOF kaj netroveblaj en Universala Vortaro. Ellaboris PAUL BOULET.
Unu volumo in-16, 72-paĝa (*nova eldono*). . . . . . . . . . . . . . . 1 50

## LITERATURA FAKO

**Angla lingvo sen profesoro**, unuakta komedio de TRISTAN BERNARD, tradukita el la franca lingvo de GASTON MOCH.
Unu volumo in-8, 44-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Fr. 1 »

**Aspazio**, tragedio en kvin aktoj, de A. SVJENTOĤOVSKI, tradukita el la pola lingvo de D^ro LEONO ZAMENHOF.
Unu volumo in-8, 154-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 50

**Brazilio**, parolado de S^o EVERARDO BACKHEUSER.
Unu volumo in-8, 28-paĝa, kun ilustraĵoj ekstertekste . . . . . . . . 1 50

**Bukedo**, artikoloj pri literaturaj kaj beletristikaj demandoj, de CH. LAMBERT.
Unu volumo in-8, 159-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 »

**Frenezo**, du unuaktaj drametoj, originale verkitaj de FR. PUJULA Y VALLES.
Unu volumo in-8, 40-paĝa. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1 »

**Imenlago**, novelo de THEODOR STORM, tradukita el la germana lingvo de ALFRED BADER.
Unu volumo in-8, 33-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . » 75

**Halka**, opero en kvar aktoj, muz. de S. MONIUSZKO, teks. de W. WOLSKI, tradukita el la pola lingvo de ANTONI GRABOWSKI.
Unu volumo in-8, 38-paĝa. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1 »

**Karmen**, romano de MÉRIMÉE, tradukita el la franca lingvo de SAM. MEYER.
Unu volumo in-8, 56-paĝa. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1 25

**Kaatje**, kvarakta teatraĵo de PAUL SPAAK, tradukita el la franca lingvo de D^r W. VAN DER BIEST.
Unu volumo in-8, 111-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 50

**La libro de l' Humoraĵo**, originale verkita de PAUL DE LENGYEL.
Unu volumo in-8, 194-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 50

**La Faraono**, romano de PRUS, tradukita el la pola lingvo de D^r BEIN.
Tri volumoj in-8, 194-paĝa; 238-paĝa; 191-paĝa. . . . . . . . . (ĉiu). 2 »

**La Reĝo de la montoj**, de ED. ABOUT, tradukita el la franca lingvo de G. MOCH, kun ilustraĵoj de GUSTAVE DORÉ.
Unu volumo in-8, 245-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 3 50

**La Rompantoj**, kvin monologoj originale verkitaj de FR. PUJULA Y VALLES.
Unu volumo in-8, kun ilustraĵoj, 40-paĝa . . . . . . . . . . . . . . 1 »

**La Tria**, memoraĵoj pri la Tria Kongreso.
Unu volumo in-8, 46-paĝa, ilustraĵoj ekstertekste. . . . . . . . . . 1 50

**Laŭroj**, kolekto de premiitaj verkoj en la unua Literatura Konkurso de « La Revuo ».
Unu volumo in-8, 142-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 »

**Makbeto**, kvinakta dramo de SHAKESPEARE, tradukita de D^r LAMBERT.
Unu volumo in-8, 125-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 »

**Mazepa**, tragedio en kvin aktoj de JULIUS STOWACKI, el la pola lingvo tradukis ANTONI GRABOWSKI.
Unu volumo in-8, 99-paĝa. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 »

**Misteroj de Amo**, du unuaktaj dramoj, originale verkitaj de NADINA KOLOVRAT.
Unu volumo in-8, 53-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1 20

**Mistero de doloro**, dramo en tri aktoj de ADRIA GUAL, tradukita el katalúna lingvo de FR. PUJULA Y VALLES.
Unu volumo in-8, 96-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 »

**Pri esperanta literaturo**, parolado de EDMOND PRIVAT.
Unu volumo in-8, 24-paĝa . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . » 75

# Ĉefaj Vortaroj de la Esperantistoj

**Aĉeteblaj ĉe ĉiuj Eldonistoj de « La Revuo ».**

---

**Por plej efike lerni Esperanton**

# VORTARO DE ESPERANTO

## de KABE (D^ro^ K. BEIN)

Ĉi tiu internacia vortaro, verkita plene en Esperanto, enhavas ĉiujn vortojn de nia lingvo radikajn kaj devenigitajn ĝenerale uzatajn de l' Esperantistoj, kun esperanta difino de ilia rekta senco kaj iliaj ĉefaj figuraj signifoj. Ĉiu vorto estas definita kun granda precizeco kaj mirinda klareco. Multaj frazmodeloj por klarigi la sencon de la vortoj kaj igi ilin memoreblaj, faras la verkon alloganta kaj vivanta.

Unu luksa vol. in-8, bindita, 175-paĝa (Kolekto de la Revuo). Fr. 4 »

---

# Enciklopedia Vortareto Esperanta

*Kun klarigoj en Esperanto kaj franca traduko*

Verkita de **CH. VERAX**, kun la kontrolo de specialistoj.

**La Enciklopedia Vortareto** de S^e^ Ch. Verax, la ĉiekonata aŭtoro de diversaj teknikaj terminaroj, estas la plej grava ellaborajo farita ĝis nun en Esperanto. Pli ol 12 000 vortoj de ĉiuj sciencoj, artoj, metioj estas tre precize difinitaj en Esperanto. Tute konforma je la lastaj decidoj de la Internaciaj Kongresoj por la Sciencaj Terminaroj, tiu verko estas kvazaŭ leĝdona kaj Esperanto povos nun esti akceptita por la estontaj internaciaj kongresoj kiel vera scienca lingvo. Ĉiu trovos en ĝi ĉiujn necesajn terminojn por esprimi sian penson kun klareco en iu ajn fako de la homaj konoj. Ĝi estos la gvidlibro nepre necesa de tiuj, kiuj deziras funde scii Esperanton kaj ĝin adapti al iu ajn scienco, arto aŭ metio, kaj kompreni plene ĉion, kio estas skribita en Esperanto en la diversaj fakoj de la sciencoj.

Unu luksa vol. in-8, xx-264-paĝa, bind. (Teknika Kolekto). . Fr. 6 »

*Peti specimenan folion de la du ĉi supraj tradukoj*

---

# PLENA VORTARO

## Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-Franca

de **Émile BOIRAC**, Rektoro de la Dijona Universitato.

Kun la kunlaborado de Gesinjoroj **FAUVART-BASTOUL**.

La « Plena Vortaro » de Rektoro E. Boirac, Prezidanto de nia « Akademio » kaj de nia « Lingva Komitato » estas la granda repertuaro de ĉiuj esperantaj radikvortoj, troveblaj ne nur en Esperanto naciaj kaj naciaj-Esperanto Vortaroj, sed ankaŭ en la diversaj Vortaroj Teknikaj, kaj eĉ en la verkoj literaturaj, filozofiaj, sciencaj, k. t. p., kies nombro ĉiutage pligrandiĝas. En ĝi, la aŭtoro penis atingi, pri la esperanta difino de ĉiu vorto, kiel eble plej altan gradon de klareco, uzante tamen kiel eble plej malgrandan nombron da vortoj. Plie, li aldonis al ĉiu esperanta difino la francan tradukon. Tiel, la kelkaj vortoj, bestoj aŭ kreskajoj, kies esperanta difino ne estus sufiĉe klara, estas plene difinitaj; kaj, aliparte la verko helpas la konon de la franca lingvo, atendante, ke pli malfrue, ĝi helpu la konon de aliaj lingvoj, kiam ekzistos tradukoj en la aliaj lingvoj. La verko estas presita sur luksa papero.

Du volumoj kaj aldono in-8, sume 430-paĝa . . . . . . . . . Fr. **10,50**

*Estas aĉeteblaj aparte* : 1^e^ volumo, Fr. 4,50; — 2^e^ volumo, Fr. 4,50; — aldono, Fr. 1,50

---

Coulommiers. — Imp. PAUL BRODARD.